er Mars 1908. | Ia Marto 1908. 79a NUMERO. | Ia Maart 1908.

6a JARO, 12a numero.

DUONMONATA GAZETO ESPERANTISTA.




JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE
Bi-Mensuel.

BELGISCH ESPERANTISCH BLAD
verschijnende twee maal per maand.

OFICIALA ORGANO DE LA « BELGA LIGO ESPERANTISTA » KAJ DE LA BELGAJ LIGAJ GRUPOJ.

Aliĝinta al la profesia Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro.

**rgane officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés.**

ffilié à l'Union professionnelle de la Presse Périodique Belge.

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten groepen.**

Aangesloten bij het Beroepsverbond der periodische Belgische drukpers.

DIREKCIO : Redakcio kaj Administracio,

53, rue de Ten Bosch, BRUXELLES.

ENHAVO.



Presisto-eldonisto A.-J. WITTERYCK, Nouvelle Promenade, 4, Bruges.

| ABONNEMENTS | | ABONOJ | | INSCHRIJVINGEN | |
|---|---|---|---|---|---|
| Un an, au moins (tous pays) . | fr. 6,00 | Unu jarkolekto, almenaŭ . . | Sm. 2,40 | 1 jaar ten minste (alle landen) . | fr. 6,00 |
| Membres de la Ligue . . . . | » 7,00 | Membroj de la Ligo . . . . | » 2,80 | Bondsleden . . . . . . . | » 7,00 |
| Membres protecteurs de la Ligue | » 10,00 | Protektantaj membroj de la Ligo | » 4,00 | Bonds-beschermleden. . . . | » 10,00 |
| Un numéro. . . . . . . . | » 0,25 | Unu numero . . . . . . . | » 0,10 | Het nummer . . . . . . . | » 0,25 |
| L'année parue . . . . . . | » 6,00 | Unu antaŭa jarkolekto . . . | » 2,40 | Het verschenen jaar . . . . | » 6,00 |
| Envoi à l'étranger (par envoi). | » 1,00 | Sendo alilande (po sendo) . . | » 0,40 | Buitenland (per zending). . . | » 1,00 |

**Sin turni al la Direkcio, 53, rue de Ten Bosch, BRUXELLES.**

La abonoj komencas nepre la 1a de Septembro. Se oni abonas poste, oni ricevas la jam aperintajn nojn.
Ni akceptas poŝtmarkojn laŭvalore, sed ni pli ŝatas poŝtmandatojn.

L'abonnement commence le 1er Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les Nos parus.

Het jaar begint den 1n September.— Indien men inschrijft in den loop des jaars, ontvangt men de vorige nummers.

# ESPERANTISTAJ GAZETOJ.

## JOURNAUX ESPÉRANTISTES. ESPERANTISCHE BLADEN.

| | Nacie | | Internacie | |
|---|---|---|---|---|
| **Amerika Esperantisto**, 1239, Michigan Avenue, Chicago, U. S. A. . . . . . | d. | 1.00 | Sm. | 2.05 |
| **Amsterdama Pioniro**, Holanda-esperanto, Admin. Singel 386, Amsterdam (Holland). | Fl. | 1.50 | » | 1.25 |
| **Antaŭen Esperantistoj**!!! espagnol-esperanto Apartado 927, Lima, (Pérou) . . | S. | 0.60 | » | 1.20 |
| **Brazila Revuo Esperantista**. Redakcio, Rua de Assembléa, 46, Rio de Janeiro . . | Mr. | 2.15 | » | 2.40 |
| **British Esperantist**, anglais-esperanto, 13, Arundel street, London W. C. . . | Ŝ. | 3.20 | » | 1.60 |
| **Bulgara Esperantisto**, dumonata, Adm. de Bulgara Esperantisto en Sofio (Bulgarie) | L. | 1.50 | » | 0.60 |
| **Ĉasopis Ĉeskych Esperantistū**, Organo de Bohemaj Esp., Praha (Autriche) . . | Kr. | 3.60 | » | 1.50 |
| **Eho Esperantista**, aldona de « Das Echo ». J. H. Schorer, 1, Dessauerstr. Berlin . | mk | 5.00 | » | 2.50 |
| **Esperanta Ligilo**, esp., pour aveugles. M. Cart, 12, Rue Soufflot, Paris . . . | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Esperantisten** Sveda-esperanto. P. Ahlberg, Surbrunnsgatan 37, Stockholm . . | Kr. | 2.50 | » | 1.40 |
| **Esperanto**, duonmonata internacia, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève . . . | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Espero Katolika**, Mr Em. Peltier, Ste Radegonde (Indre et Loire) France 4 fr., hors France | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Espero Pacifista**, Mr Gaston Moch,26,rue de Chartres,Neuilly-sur-Seine (France) . | » | 5.00 | » | 2.00 |
| **Estlanda Esperantisto**. Sro J.A. Rahamagi, Weike Kalamajo uul. 7, k. 2, Revel (Russie). | r. | 1.00 | » | 1.10 |
| **Filipina Esperantisto**, Angla-hispana-esperanto P. O. Box 326, Manila (Philippines). | P. | 2.00 | » | . . . |
| **Finna Esperantista**, Ilarejo Esperantista, Helsinki, Finnlando . . . . . | Fmk. | 1.50 | » | 1.20 |
| **Flugila Stelo** stenografie. Sro Fr. Schneeberger, Lüsslingen (Suisse) . . . | fr. | 2.00 | » | 0.80 |
| **Germana Esperantisto**,allemand-esp.,MM. Möller & Borel, 95, Prinzenstrasse, Berlin | mk | 3.00 | » | 1.50 |
| **Germana Esperanto-Gazeto**, duonmonata Verlag: H. Wuttke, Pionierstr. Magdeburg | » | 4.00 | » | 2.00 |
| **Helpa Lingvo**, Fino G. Monster, Osterbrogade 54 B, Kopenhago . . . . | kr. | 1.20 | » | 0.66 |
| **Idealo** Itala-Esp. Dro Vitangelo Nalli Corso Calatafimi 495, Palerme . . . | fr. | 3,00 | » | 1,20 |
| **Internacia Scienca Revuo**, esperanto, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève . . . | fr. | 7.00 | » | 2.75 |
| **Internacia Socia Revuo**, esperanto, 45, rue de Saintonge, Paris IIIa . . . | » | 6.00 | » | 2.40 |
| **Japana Esperantisto**, japonais et esperanto, 3ĉome, Jurakĉo, Kozimacik, Tokio . | y. | 1.60 | » | 1.65 |
| **Juna Esperantisto**, monata gazeto, Presa Esp. Societo, 33, rue Lacépède, Paris. | fr. | 2.50 | » | 1.00 |
| **La Belga Sonorilo**, duonmonata, 53, rue de Ten Bosch, Bruxelles. . . . | fr. | 6.00 | » | 2.40 |
| **La Revuo**, esperanto, 79, Bd St Germain, Paris . . . . . . . | » | 7.00 | » | 2.80 |
| **L'Espérantiste**, français-esp., Mr de Beaufront, 4, rue du Gril,Louviers, Eure, (France) | » | 4.00 | » | 1.60 |
| **L'Etoile Espérantiste**, mensuelle. Administration 3, rue Sophie-Germain, Paris | fr. | 2.00 | » | 0.80 |
| **Lingvo Internacia**, mensuel, esperanto, 33, rue Lacépède, Paris, Ve, . . . | » | 7.50 | » | 3.00 |
| **Lumo**, Bulgara, Ivan Nenkov, Str. Sv. Gorska no 2299, Tirnova (Bulgario) . . | fr. | 5.00 | » | 2.00 |
| **La Verda Standardo**, esperanto, Sro A. Marich, Ullöi ut 59, Budapest IX . . | Kr. | 4.00 | » | 1.68 |
| **Pola Esperantisto**, esperanto-polonais, Marszalkowska, 143, Warszawa (Varsovie) | r. | 2.00 | » | 2.20 |
| **Ruslanda Esperantisto**, Nikolaerskaja Str. 33, loĝ 24. Peterburgo . . . . | r. | 2.65 | » | 2.50 |
| **Saksa Esperantisto**, redakt. Fritz Stephan in Leipzig . . . . . . | Mk | 1.00 | » | 0.50 |
| **Stelo Kataluna**, Rambla S. Isidro, 30, Igualada-Barcelona . . . . . . | fr. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Suno Hispana**, espagnol-esp., Sro Rafael Duyos, Cirilo Amoros, 28, Valencia . | p. | 3.00 | » | 1.20 |
| **Svisa Espero**, esperanto, Mr Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève (Suisse) . | fr. | 2.50 | » | 1.00 |
| **The American Esperanto Journal**, 211, West 126 Str. New York City, N. Y., U. S. A. | d. | 1.00 | » | 2.00 |
| **Tra la Mondo**, illustré, esp., 15, Boulevard des Deux Gares, Meudon S. O. (France) | fr. | 8.00 | » | 3.20 |
| **Tutmonda Espero**. Paradis, 12, principal. Barcelona. . . . . . . | fr. | 3.00 | » | 1,20 |
| **Verda Stelo**, hispana-esp. A. Vargas 3a del Reloj, no 12, Mexico, D. F. . . . | p. | 1.00 | » | 2.00 |

Ier Mars 1908. Ia Marto 1908. 79a NUMERO. In Maart 1908.

6a JARO, 12a numero.

DUONMONATA GAZETO ESPERANTISTA.




JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE
Bi-Mensuel.

BELGISCH ESPERANTISCH BLAD
verschijnende twee maal per maand

**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.**

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges affiliés.**

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.**

## AL ĈIUJ ESPERANTISTOJ.

*Varsovio, la 18an de Januaro 1908.*

En la jaro 1900, kiam la esenco de la internacilingva afero estis ankoraŭ tro malmulte konata kaj la mondo pensis, ke ekzistas diversaj lingvoj internaciaj, kiuj inter si batalas, sinjoroj Couturat kaj Leau en Parizo fondis « Delegacion », kies celo estis: peti la Internacian Ligon de Akademioj, ke ĝi esploru, kiu el la ekzistantaj artefaritaj lingvoj taŭgas plej bone por la rolo de lingvo internacia, aŭ elekti mem komitaton, kiu esplorus tiun ĉi demandon. Kvankam, de la jaro 1900 ĝis nun, la vivo jam *mem* solvis la diritan demandon, tamen, por plenumi sian promeson, la Delegacio, en Oktobro 1907, kunvokis komitaton, kiu devis elekti lingvon internacian. Sed bedaŭrinde la komitatanoj ne ĝuste komprenis sian taskon, kaj, elektinte Esperanton, ili decidis fari en ĝi *reformojn*, forgesante, ke tia tasko tute ne estis kaj neniam povis esti komisiita al ili. Tiu ĉi tre bedaŭrinda decido estis kaŭzita de kelkaj tre gravaj malkomprenîĝoj :

1° Oni forgesis, ke la afero de lingvo internacia estas nun ankoraŭ en la stato *propagando*; ke la mondo ne akceptas lingvon internacian ne pro tiuj aŭ aliaj ĝiaj *detaloj*, sed nur pro malkonfido al la *tuta* afero; ke sekve nun ĉiu vera amiko de lingvo internacia devas absolute silenti pri siaj personaj gustoj kaj gustetoj, kaj ni ĉiuj devas antaŭ ĉio labori en plej severa *unueco*, por ke ni akiru por nia afero la *konfidon* de la mondo. Kiam nian aferon prenos en sian manon ia granda *forto* (ekzemple la registaroj de la ĉefaj landoj), kiu per sia potenco povos doni al ni ne senvalorajn tro memfidajn vortajn promesojn, sed plenan *garantion*, ke ĝi alkondukos nian aferon al la celo *pli certe* ol ni kaj ke ĝi ne faros facilanime iajn decidojn, antaŭ ol ili *tute mature* kaj perfekte estos pripensitaj kaj praktike *elprovitaj* kaj *fiksitaj*, tiam ni povos konfide transdoni al tiu potenca forto la sorton de nia afero; sed se *privataj* personoj, kiuj havas nek ian aŭtoritaton, nek ian forton, postulas, ke ni forlasu la vojon, kiun ni pacience kaj sukcese sekvis en la daŭro de multaj jaroj, kaj ni komencu plej danĝerajn rompajn eksperimentojn, ĉiuj veraj esperantistoj energie protestos. Nun, kiam ni estas ankoraŭ tro malfortaj, ni povas atingi nian celon nur per *severa disciplino* kaj per *absoluta unueco;* alie ni pereigos nian tutan aferon por *ĉiam;* ĉar kiu scias, kun kia

grandega malfacileco kaj per kia superhome pacienca dudekjara laborado de multaj miloj da personoj estas atingita la nuna favora rilato de la mondo al nia afero, tiu komprenas, ke se, pro interna malpaco, Esperanto nun pereus, la mondo jam neniam, *neniam* volos ion aŭdi pri ia nova lingvo internacia, eĉ se ĝi estus ne senviva teoria produkto de multaj reciproke malkproksimaj kapoj, sed la plej genia kreitaĵo! Mi ripete memorigas tion ĉi al la reformistoj, mi ripete kaj insiste petas ilin, ke ili pripensu, kion ili faras, ke ili ruinigu tiun grandan kaj gravan aferon por kiu ni ĉiuj laboras kaj por kies ebla pereo la posteuloj iam severe nin juĝus.

2° Oni forgesis, ke ne sole eĉ en sia nuna formo Esperanto en la praktiko montriĝis perfekte taŭga por sia rolo kaj ke plibonaĵo povas fariĝi danĝera malamiko de bonaĵo, sed ke se eĉ *efektive* aperus la neceseco plibonigi Esperanton, la solan kompetentecon kaj rajton por tio ĉi havas ne flankaj personoj, sed nur la *esperantistoj mem*. Kaj en ĉiu momento, kiam plibonigoj montriĝos efektive necesaj kaj ĝustatempaj, la esperantistoj tre facile *povas* ilin efektivigi. Ĉar ĉiu rakontado pri ia baro, kiun kvazaŭ prezentas la Bulonja Deklaracio, aŭ pri ia kvazaŭa senviveco kaj senforteco de nia Lingva Komitato, estas simpla malvero, per kiu oni penas fortimigi de ni tiujn personojn, kiuj ne konas bone la staton de la aferoj.

Ĉiu, kiu legis la antaŭparolon de la « Fundamento de Esperanto », scias tre bone, ke ĝi ne sole ne prezentas ian baron kontraŭ la evolucio de la lingvo, sed kontraŭe, ĝi donas al la evolucio tian grandegan liberecon, kiun neniu alia lingvo iam posedis eĉ parte. Ĝi donas la eblon, se tio estus necesa, iom post iom eĉ ŝanĝi la tutan lingvon ĝis plena nerekonebleco! La sola celo, kiun la Fundamento havas, estas nur: gardi la lingvoj kontraŭ *anarkio*, kontraŭ reformoj *arbitraj* kaj *personaj*, kontraŭ danĝera *rompado*, kontraŭ forĵetado de malnovaj formoj antaŭ ol la novaj estos sufiĉe *elprovitaj* kaj tute definitive kaj sendispute *akceptitaj*. Se la esperantistoj ĝis nun tre malmulte faris uzon de tiu granda libereco, kiun la Fundamento al ili donas, ĝi ne estas kulpo de la Fundamento, sed ĝi venas de tio, ke la esperantistoj komprenas tre bone, ke lingvo, kiu devas trabati al si la vojon ne per ia potenca dekreto, sed per laborado de amasoj, povas disvolviĝi nur per tre singarda vojo de natura *evolucio*, sed ĝi tuj mortus, se oni volus ĝin disvolvi per kontraŭnatura kaj danĝerega vojo de *revolucio*.

Cetere, se la Bulonja Deklaracio efektive prezentus ian malbonaĵon aŭ neprecizaĵon, kiu do malpermesas, ke iu proponu ĝian ŝanĝon aŭ eĉ ĝian tutan forigon? Jes, tiuj sinjoroj, kiuj sub la influo de la agitantoj diras, ke la « Fundamento » prezentas « eternan baron kontraŭ la evolucio de Esperanto », parolas pri afero, kiun ili tute ne konas!

Ĉar la Lingva Komitato ĝis nun faris ankoraŭ neniun rompon en la lingvo tial la reformistoj ĝin kulpigas, ke ĝi estas senviva, senforta, senaŭtorita, sentaŭga! Sed se ĝi estas malbona, kiu do malpermesas, ke la esperantistoj mem ĝin reorganizu? Anstataŭ semi malkontentecon, malpacon kaj ribelon, ĉu ne estus pli bone, se iu el la malamikoj de la nuna Lingva Komitato prezentus projekton de reorganizo de tiu ĉi komitato? Se la projekto estos bona, ĝi ja certe estos akceptita; mi povas eĉ sciigi la malkontentulojn, ke la prezidanto de la Komitato mem preparas nun projekton de reorganizo, kiun li intencas prezenti al la plej proksima kongreso. Per vojo de paco kaj harmonio ni ĉion povas krei, per vojo de malpaco kaj ribelo ni ĉion nur detruos.

Por fari reformojn en Esperanto, la « Delegacia Komitato » ricevis komision nek de la esperantistoj, nek de siaj propraj delegintoj (kiuj ne sole ne donis, sed eĉ ne *povis* doni tian strangan komision); siajn proprajn, de neniu rajtigitajn postulojn de reformoj — kiuj apogis sin sur zorge kolektitaj voĉoj de kelka nombro da malkontentuloj, sed tute ignoris la opinion de multaj dekmiloj da personoj, kiuj estas kontraŭ ĉiuj ŝanĝoj — la Delegacia Komitato prezentis al la esperantistaro en formo tre ofenda, postulante, ke la tuta multemila kaj longe laborinta esperantistaro akceptu la decidojn, kiujn kelkaj flankaj personoj ellaboris en la daŭro de 8-10 tagoj; ili eĉ ma humile postulis, ke tiuj decidoj estu akceptataj *tuj*, ne atendante la esperantistan Kongreson; tial la sola respondo, kiun ni devis doni al la postulantoj, estus simpla kaj tuja rifuzo. Sed ĉar troviĝis personoj, kiuj per ĉiuj eblaj rimedoj komencis grandan kaj lertan agitadon inter ĉiuj esperantistoj, penante per ĉiuj fortoj ruinigi la harmonion, kiu ĝis nun reĝis inter ni, penante semi malpacon kaj malkontentecon kaj kredigi al ĉiu aparte, ke ĉiuj postulas reformojn, nur la ĉefoj kontraŭstaras; kaj ĉar ni komprenis tre bone, kiel pereiga povas fariĝi por nia tuta afero ĉia publika malpaco kaj skismo, precipe se ĝi al la nenion scianta publiko estas tute malvere prezentata kiel « deziro de multaj societoj »;

tial ni en la daŭro de tri monatoj faris ĉion, kion ni povis, por kvietigi la ribelantojn en ia paca maniero. Ni multe korespondis kun ili, penante klarigi al ili, kiel danĝerega ilia agado estas por tiu afero, kies amikoj ili sin kredas; ni prezentis la demandon al la voĉdonado de ĉiuj membroj de la Lingva Komitato; kaj kiam la Lingva Komitato rifuzis akcepti iliajn strangajn kaj tro grandajn postulojn, ni eĉ decidis, ke ni *mem* en nia propra nomo prezentos al la esperantistoj iliajn plej ĉefajn postulojn, kvankam ni tute ne vidas en ili ian necesaĵon; sed ni nur deziris, ke ĉio estu farata sen rompado, per vojo laŭ eĝa; ke ĝis la komuna akcepto la novaj formoj estu rigardataj ne kiel devigaj, sed nur kiel permesataj, kaj ili ricevu forton nur tiam, kiam la Lingva Komitato ilin aprobos kaj Kongreso esperantista donos al ili sian sankcion.

Sed ĉiuj niaj penoj de pacigo nenion helpis. La postulantoj respondis, ke por ili ne estas aŭtoritata nia Lingva Komitato, nek nia Kongreso, kaj ili rezervas al si plenan liberecon de agado.

Tiam ni estis devigitaj rompi ĉiun intertraktadon kaj sciigi, ke la « Delegacia Komitato » por ni plu ne ekzistas. Laŭ la propra tute preciza programo de la « Delegacio », la Komitato ricevis de siaj delegintoj la komision nur *elekti* lingvon; de la momento, kiam tiu elekto estis farita, la « Delegacia Komitato » ĉesis ekzisti kaj restis nur kelkaj *privataj* personoj, kiuj — laŭ siaj propraj vortoj — fariĝis nun esperantistoj. Sed kiam tiuj kelkaj novaj esperantistoj, kiuj aliĝis al Esperanto nur antaŭ malmultaj semajnoj, ekdeziris dikti leĝojn al la tuta popolo esperantista, kiu laboras jam pli ol dudek jarojn, kaj ĉiuj niaj admonoj nenion helpis, tiam ni simple lasis ilin flanke.

Ni estas konvinkitaj, ke tiuj kelkaj scienculoj, kiuj lasis sin entiri en reton, baldaŭ komprenos la eraron, kiun ili faris; ili baldaŭ komprenos, ke nia gravega kaj malfacilega afero povas atingi sian celon *nur per severa unueco*; kaj pro la bono de ilia amata ideo ili baldaŭ discipline aligos siajn fortojn al tiu komuna granda armeo, kiu sen personaj ambicioj, en plena harmonio, kaj kun ĉiam kreskanta sukceso, pacience laboras jam tiom multe da tempo. Kiel ĝis nun, tiel ankaŭ plue, ni, esperantistoj, iros trankvile nian vojon.

L.-L. Zamenhof.

---

De la lettre circulaire du Maître de l'Esperanto nous ne voulons, pour le moment, prendre qu'un passage, suffisamment concret pour prêter à autre chose que des remarques de sentiment.

Voici ce passage:

El la letero cirkulera de la Majstro de l' Esperanto ni intencas nur, en tiu ĉi momento, elĉerpi unu frazon sufiĉe konkretan por naski alian komentarion ol rimarkojn sentozajn.

Jen tiu frazo:

« Laŭ la propra tute preciza programo de la « Delegacio », la Komitato
« ricevis de siaj delegintoj la komision nur *elekti* lingvon ; de la momento,
« kiam tiu elekto estis farita, la « Delegacia Komitato » ĉesis ekzisti kaj
« restis nur kelkaj privataj personoj, kiuj — laŭ siaj propraj vortoj — fariĝis
« nun esperantistoj. »

Et voici maintenant le texte littéral de la Déclaration de la Délégation, texte datant de 1900:

« ..... 5° En conséquence, le comité aura pour
« première mission de faire présenter, dans les
« formes requises à l'Association Internationale des
« Académies, les vœux émis par les Sociétés et
« Congrès adhérents, et de l'inviter respectueuse-
« ment à réaliser le projet d'une langue auxiliaire.
« 6° Il appartiendra au comité de créer une société
« de propagande destinée à répandre l'usage de la
« Langue auxiliaire qui aura été choisie ».

Accorde maintenant qui pourra les deux extraits ci-dessus, du Maître de l'Esperanto d'une part, de la Déclaration de la Délégation d'autre part.

A défaut même *de ce texte explicite de la Déclaration de 1900*, on se demande pourquoi la Délégation aurait elle-même restreint ses pouvoirs, et se serait défendu de coopérer directement à la réalisation, par tous moyens, du but qu'elle s'assignait, et qui était « *réaliser le projet d'une langue auxiliaire* ».

Kaj aliparte vidu la precizan tekston de la Deklaracio de la Delegacio, tekston difinitan de l' jaro 1900ª.

« ..... 5° Konsekvence, la Komitato havos, kiel
« unuan mision, devon prezenti, en difinitaj formoj,
« al la Internacia Unuigo de la Akademioj, la
« dezirojn esprimitajn de la aliĝantaj Societoj kaj
« Kongresoj, kaj inviti ĝin, respekteme, realigi
« la projekton de Helpanta lingvo.
« 6° Kreo de propaganda Societo por disvastigi
« la uzadon de la elektota Helpanta lingvo, estos
« difinata al la Komitato.

Tiu, kiu povus ĝin fari, akordigu la ambaŭ tekstojn ĉi suprajn, de la Majstro de l' Esperanto unuparte, de la Deklaracio de la Delegacio aliparte.

Eĉ sen *tiu tute klara teksto de la Deklaracio de l' jaro 1900*, oni sin demandas kial la Delegacio estus ĝi mem limiginta sian aŭtoritaton, kaj estus malpermesinta al si rekte kunlabori per ĉiuj rimedoj, al la realigo de la celo, kiun ĝi fiksis al si kaj kiu estis « *realigi la projekton de helpanta lingvo.* »

## LA DÉRIVATION EN ESPERANTO.

(*Suite*).

### SUFFIXE IĜ.

Tout comme pour le suffixe *ig* on a *essayé* de remplacer par iĝ des suffixes actuellement manquants à l'Esperanto.

Nous avons cité les doublets *nesti* = nicher, avec *nestiĝi* = même signification ; *fumi* = fumer (en parlant d'un fumeur) et *fumiĝi* = fumer (en parlant d'une cheminée).

Que veut dire exactement ce *fumiĝi* ? Est-ce devenir fumant, devenir fumée, ou se fumer ?

Rien ne l'indique logiquement jusqu'ici.

Citons encore un de ces illogismes auxquels a donné lieu un mauvais emploi de *iĝ* ; il est typique : *komunio* signifie communion ; on pourrait s'attendre à ce que le verbe immédiatement dérivé, *komunii*, signifie accomplir l'acte de la communion, c'est-à-dire « communier ».

Pas du tout ; dans l'Esperanto actuel *komunii* signifie « faire communier », et « communier » se dit « *komuniiĝi* ».

Explique qui pourra — dit Couturat — ce dérivé bizarre, qui défie l'analyse logique.

Avec les règles de dérivation telles que nous les avons proposées jusqu'ici, on aurait :

*komunio* = communion (acte)
*komunii* = communier (verbe neutre)
*komuniantigi* = faire communier.

Il y a beaucoup d'autres verbes en *iĝi* qui sont tout aussi illogiques ou obscurs, et qu'on remplacerait avantageusement, en changeant le sens de la racine, par des verbes en *igi*, grâce à quoi on éliminerait illogisme et obscurité.

***

L'Esperanto actuel dit que « le suffixe *iĝ*, appliqué à un radical nominal (substantif ou adjectif) signifie devenir tel ou tel ».

Exemples :

*viro* = homme, *viriĝi* = devenir homme ;
*pala* = pâle, *paliĝi* = devenir pâle, pâlir.

Mais cet emploi de *iĝ* n'a plus de sens quand on applique iĝ à un verbe.

Logiquement *troviĝi* doit se décomposer en *iĝi trovi* = devenir trouver, ce qui ne signifie rien.

De même *mortiĝi* doit se décomposer en *iĝi morti* = devenir mourir, ce qui ne signifie rien.

Il faut donc bien demander, comme pour *ig*, si, appliqué à un radical verbal, *iĝ* signifie *iĝi...anta* ou *iĝi.. ata*.

Dans le cas des verbes intransitifs (c'est-à-dire n'ayant pas de complément direct), il n'y a pas de doute, puisque ces verbes n'ont que la voix active ; donc, avec eux, *iĝ* signifie forcément *iĝi...anta*.

Exemples :

*sidiĝi* = *iĝi sidanta* = devenir assis ;
*kuŝiĝi* = *iĝi kuŝanta* = devenir couché.

Tel est le sens propre et primitif de ces verbes. Maintenant, on discute beaucoup pour savoir si ces verbes ont le sens réfléchi ou le sens passif ; on demande si *sidiĝi* veut dire s'asseoir (volontairement), ou devenir involontairement assis, devenir assis sous une action extérieure.

## DEVENO EN ESPERANTO.

(*Daŭrigo*).

### SUFIKSO IĜ.

Kiel pri la sufikso ig, oni provis anstataŭigi per iĝ sufiksojn, kiujn nun Esperanto ne havas.

Ni jam citis la duoblaĵojn : nesti kaj nestiĝi, kiuj havas saman signifon ; fumi (rilata al fumanto) kaj fumiĝi (rilata al kameno).

Kion signifas precize tiu « fumiĝi » ? Ĉu estas : iĝi fumanta, iĝi fumo aŭ fumi sin ?

Nun, nenio montras tion.

Ni citu ankoraŭ unu el tiuj nelogikaĵoj, naskitan de maltaŭga uzo de iĝ ; ĝi estas karakteriza : « komunio » ; eble oni povas konkludi ke la verbo senpere devenanta : komunii, signifus la ago mem de la komunio, france *communier*.

Tute ne ; en la nuna Esperanto, komunii signifas « igi ke oni ricevas komunion », kaj la ricevanto komuniiĝas.

Iu, se eble, klarigu tiun strangan devenaĵon, ne esploreblan de ia logika analizo.

Per la reguloj pri deveno, kiujn ni proponis ĝis nun, oni ricevus :

komunio = ago
komunii = neŭtra verbo
komuniantigi = igi komunianta.

Ekzistas multaj aliaj verboj kunmetitaj kun *iĝi*, kiuj estas samgrade nelogikaj aŭ neklaraj, kaj ke oni anstataŭigus utile, ŝanĝante la sencon de la radiko, per verboj kunmetitaj kun *igi* ; dank' al tio, oni forpelus nelogikismon kaj neklarecon.

***

Nuna Esperanto diras ke la sufikso « iĝ » aldonita al neverba radiko (substantiva aŭ adjektiva) signifas fariĝi tio aŭ tia :

Ekzemploj :

viro ; viriĝi = fariĝi viro
pala ; paliĝi = fariĝi pala.

Sed tiu uzo de iĝ ne plu havas sencon, kiam oni aldonas iĝ al verbo.

Logike, « troviĝi » devas valori « iĝi trovi » ; tio signifas nenion.

Same, « mortiĝi » devas valori « iĝi morti » ; tio ankaŭ signifas nenion.

Estas do necesa scii ĉu, kiel pri igi, aldonita al verba radiko, iĝ signifas iĝi... anta, aŭ iĝi... ata.

En okazo de netransitivaj verboj (estas diri verboj, kiuj ne havas rektan komplementon) nenia dubo ekzistas, ĉar tiuj verboj estas nur aktivaj ; do ĉe ili, iĝ signifas necese iĝi... anta.

Ekzemploj :

sidiĝi = iĝi sidanta
kuŝiĝi = iĝi kuŝanta.

Tia estas la propra kaj primitiva senco de tiuj verboj. Nu, oni tre diskutas por scii ĉu tiuj verboj havas la resendan sencon aŭ la pasivan sencon ; oni demandas ĉu sidiĝi signifas iĝi sidanta propramove, aŭ iĝi sidanta nevole, pro ekstera kaŭzo.

Certains auteurs professent que les verbes en *iĝi* ne correspondent à un verbe réfléchi que si l'action est *involontaire*; dans ce cas, *sidiĝi*, *kuŝiĝi* ne signifieraient s'asseoir, se coucher, que lorsque ces actions sont involontaires ou accidentelles, (en cas de chute par exemple).

On voit l'imprécision actuelle de l'emploi de *iĝ*.

Il semble que la raison demande la règle suivante: « si l'on a besoin d'un verbe réfléchi marquant une action volontaire, il faut simplement former ce verbe réfléchi, et dire *sin sidigi*, *sin kuŝigi*, *sin starigi* (se mettre debout, se lever) etc. »

Ainsi le sens sera unique et toute discussion académique finira.

Alors *iĝ* fournira des verbes relatifs à une action involontaire.

Exemple: il glissa sans le vouloir et s'assit dans la neige = « *li glitis senvole kaj sidiĝis en la neĝo* ». (il s'assit malgré lui).

Passons aux verbes transitifs; avec eux l'ambiguité actuelle redouble.

Si l'on consulte l'usage actuel *troviĝi* signifie « être trouvé »; *vidiĝi* = être vu; *fariĝi* = être fait; *fermiĝi* = être fermé etc.

Ces verbes ont donc le sens de simples passifs, et dès lors constituent simplement des « doublets » dont on peut fort bien se passer, car il serait plus simple, plus clair et plus conforme à la logique d'une langue artificielle, d'employer le passif, c'est-à-dire *la forme analytique*.

Quoiqu'il en soit, dans l'Esperanto actuel, *iĝ* appliqué à un radical verbal transitif signifie *iĝi...ata*.

Si donc on veut codifier l'usage il faut formuler pour *iĝ* une règle analogue à celle qu'on a formulée pour *ig*, et dire: « Avec un radical verbal intransitif *iĝ* signifiera *iĝi anta;* avec un radical verbal transitif *iĝ* signifiera *iĝi ata;* si l'on veut former la relation *iĝi...anta* on devra l'exprimer complètement sous la forme *antiĝ*. »

***

Ido propose un usage plus restreint qu'actuellement, donc moins imprécis, de *iĝ*.

Voici ses propositions:

*iĝ*, joint à un radical nominal, forme un verbe qui signifie « devenir tel »: *viriĝi*, *paliĝi*, *fortiĝi*...

Appliqué à un radical verbal, il forme un verbe qui signifie: « devenir *ata* ou *ita* ».

Exemples: *amiĝi* = devenir aimé; *vidiĝi* = devenir vu.

Les verbes en *iĝi* sont ainsi essentiellement neutres, et par suite ne peuvent avoir de régime direct. Mais, comme ils ont un sens passif, ils peuvent avoir un régime précédé de la préposition *de: li vidiĝis de sia malamiko* = il fut aperçu par son ennemi.

Ainsi *iĝ* serait un inchoatif; c'est-à-dire marquerait le commencement de l'action.

Il ne faut jamais — propose Ido — employer *iĝ* pour traduire un verbe réfléchi propre, c'est-à-dire où le sujet exerce l'action sur lui-même.

Exemple: « il se voit dans le miroir » se traduira par *li sin vidis en spegulo* (le sujet se voit) et non *li vidiĝis en spegulo*. Cette dernière phrase indique que le sujet est vu par un autre que lui-même.

On dira *li levas sin*, et non *li leviĝas*.

Kelkaj aŭtoroj instruas ke la verboj kun iĝi rilatas al resendanta verbo nur kiam la ago estas nevola; en tiu okazo, sidiĝi, kuŝiĝi signifus iĝi sidanta aŭ kuŝanta, nur kiam la ago estus nevola aŭ akcidenta (en okazo de falo, ekzemple).

Tie oni vidas la nunan neprecizecon en la uzo de iĝ.

Ŝajnas ke la saĝo postulas la sekvantan regulon: *se oni bezonas resendantan verbon rilatan al memvola ago, estas taŭga formi simple tiun verbon kaj diri: sin sidigi, sin kuŝigi, sin starigi, k. c.*

Tiel la senco estos unika kaj ĉia akademia diskuto finiĝos.

Tiam iĝ formos verbojn rilatantajn al nevola ago.

Ekzemplo: li glitis senvole kaj sidiĝis en la neĝo (malgraŭ ke li tion ne intencis).

Ni ekzamenu la transitivajn verbojn; en ili la nuna dusenco duobliĝas. Se oni esploras la nunan uzon, troviĝi signifas esti trovata; vidiĝi = esti vidata; fariĝi = esti farata; fermiĝi = esti fermata, k. c.

Tiuj verboj do havas nur sencon pasivan kaj konsekvence formas simple « duoblaĵojn », kiujn oni povas tre bone forpeli, ĉar estus pli simpla, pli klara, kaj pli konforma al logikeco de artefarita lingvo, uzi la pasivon, tio estas diri la *analizan formon*.

Kio ajn estas pri tio, en la nuna Esperanto, iĝ aldonita al transitiva verbradiko signifas iĝi... ata.

Se oni deziras reguligi la uzon, estos necesa starigi pri iĝ, regulon similan al tiu, kiun oni starigis pri ig, kaj diri: « *Kun netransitiva verbradiko, iĝ signifos iĝi... anta; kun transitiva verbradiko, iĝ signifos iĝi... ata; se oni deziras montri la rilaton iĝi... anta, oni devas ĝin esprimi plene per la formo: antiĝ* ».

***

*Ido* proponas uzadon pli limigitan ol la nuna, do malpli neprecizan, pri iĝ.

Ĝiaj proponoj estas:

iĝ, aldonita al noma radiko, formas verbon, kiu signifas « fariĝi tia »: viriĝi, paliĝi, fortiĝi...

Aldonita al verba radiko, ĝi formas verbon kiu signifas « iĝi ata aŭ ita ».

Ekzemploj: amiĝi = iĝi amata; vidiĝi = iĝi vidita.

Tiele, la verboj per iĝi estus esence neŭtraj, kaj konsekvence ne povus ricevi rektan komplementon. Sed, ĉar ili havas pasivan sencon, ili povas ricevi komplementon kun la prepozicio *de: li vidiĝis de sia malamiko.*

Tiel iĝ montrus la komencon de la ago, (france estus: *inchoatif*).

Neniam — proponas Ido — oni devas uzi iĝ por traduki propran resendantan verbon, tio estas diri verbon de kiu la subjekto agas sur si mem.

Ekzemple oni diros: *li sin vidis en spegulo*, kaj ne: *li vidiĝis en spegulo*. Tiu lasta frazo montras ke la subjekto estas vidata de alia ol li mem.

Oni diros: *li levas sin*, kaj ne: *li leviĝas*.

De même il faut distinguer *sin riĉigi* qui veut dire s'enrichir par une action volontaire, et *riĉiĝi* = devenir riche involontairement; de même *sin lacigi* = se fatiguer volontairement et *laciĝi* = devenir fatigué involontairement.

Par conséquent le suffixe *iĝ* ne peut jamais s'appliquer qu'à un verbe actif et non à un verbe neutre, comme *vivi*, *morti*, *stari*, *sidi*, *kuŝi*, *dormi*, *silenti*...; de tels dérivés n'auraient pas de sens acceptable.

***

Voilà les propositions de Ido; pour en saisir la portée il faut savoir que Ido propose aussi l'adoption de l'affixe *esk* à joindre à des radicaux verbaux pour former des verbes qui signifient: « commencer à... », « se mettre à... ».

Exemples:
*dormeski* = commencer à dormir, s'endormir.
*videski* = commencer à voir, apercevoir.

*Esk* serait donc un inchoatif s'appliquant aux verbes actifs et aux verbes neutres; il signifierait, conventionnellement : *eski-anta*. Quand le verbe primitif est actif, le verbe dérivé en *eski* l'est également, et par suite peut avoir un régime direct.

Le suffixe *esk* peut se superposer au suffixe *iĝ*; exemple: *ruĝiĝi* = devenir rouge; *ruĝiĝeski* = commencer à rougir.

***

Telles sont les proposition de Ido.

*Antido* dit simplement:

*iĝ* signifie « devenir »: *beliĝi* = devenir beau (s'embellir); *viriĝi* = devenir homme.

*esk*, avec un radical verbal signifie « commencer à »: *dormeski* = s'endormir, *koleresk*i = se mettre en colère.

***

Ici encore notre avis est que le suffixe *iĝ* ne devrait s'appliquer qu'à des radicaux nominaux (substantif, adjectif, participe, participe substantifié).

Il signifierait « devenir tel ou tel, sans intervention de la volonté du sujet », donc formerait des verbes réfléchis involontaires.

*viriĝi* = devenir homme;
*paliĝi* = devenir pâle, pâlir;
*trovantiĝi* = devenir trouvant;
*amintiĝi* = devenir ayant aimé;
*amotiĝi* = devenir devant être aimé;
(elle sent que cet homme va être aimé d'elle = *ŝi sentas ke tiu homo amotiĝas de ŝi*).
*sidantiĝi* = devenir assis involontairement;
*sidantigi sin* = s'asseoir volontairement;
*sin levi* = se lever;
*levantiĝi* = devenir levant;
*levatiĝi* = devenir levé, se lever (le blé lève = *la greno levatiĝas* ou *levitiĝas* selon la nuance de temps que l'on veut marquer; le vent se lève = *la vento levatiĝas;* le soleil se couche = *la suno kuŝantiĝas;* quand le soleil se fut couché = *kiam la suno kuŝintiĝis*).

***

Pour ce qui concerne le suffixe *esk* (s'il est admis) nous pensons qu'il ne faut l'appliquer qu'à des par-

Same oni devas diferencigi « sin riĉigi », kiu signifas « riĉigi sin per memvola ago », kaj riĉiĝi = « fariĝi riĉa nevole »; same « sin lacigi » = « lacigi sin memvole » kaj « laciĝi » = fariĝi laca nevole ».

Konsekvence la sufikso iĝ estas aldonota nur al aktiva verbo kaj neniam al neŭtra verbo kiel vivi, morti, stari, sidi, kuŝi, dormi, silenti..; tiaj devenaĵoj ne havus akcepteblan sencon.

***

Tiaj estas la proponoj de Ido; por plene kompreni ilian celon, estas necesa diri ke Ido proponas ankaŭ akcepton de la afikso « esk », aldonebla al verba radiko por formi verbon signifantan « komenci la agon... sin prepari por la ago de... »

Ekzemploj:
dormeski = komenci la agon « dormo ».
videski = komenci la agon « vido ».

« Esk » estus do « *inchoatif* » kiu oni aldonus al aktivaj verboj kaj neŭtraj verboj; ĝi signifus, interkonsente: eski-anta. Kiam la primitiva verbo estas aktiva, la devenanta verbo per « eski » estas same aktiva, kaj konsekvence ĝi povas ricevi rektan komplementon.

La sufikso esk povas esti aldonata al la sufikso iĝ; ekzemple: ruĝiĝi = fariĝi ruĝa; ruĝiĝeski = komenci... ruĝiĝi.

***

Tiaj estas la proponoj de « Ido ».

« Antido » simple diras:

iĝ, signifas fariĝi: *beliĝi* = *fariĝi bela*; *viriĝi* = *fariĝi viro*.

esk, kun verba radiko signifas « komenci... »: *dormeski* = *komenci... dormi*, *koleresk*i = *komenci... koleri*.

***

Pri tio ankaŭ nia opinio estas ke la sufikso iĝ devus nur esti aldonata al neverbaj radikoj (substantivo, adjektivo, participo, substantivigita participo).

Ĝi signifus « fariĝi tia aŭ tia, sen rilato kun la volo de la subjekto »; do ĝi formus nevolajn resendajn verbojn.

viriĝi = fariĝi viro;
paliĝi = fariĝi pala;
trovantiĝi = fariĝi trovanta;
amintiĝi = fariĝi aminta;
amotiĝi = fariĝi amota;
(Ekz.: ŝi sentas ke tiu homo amotiĝas de ŝi).
sidantiĝi = fariĝi sidanta, nevole;
sidantigi sin = fari sin sidanta, memvole;
sin levi = fari sin staranta, memvole;
levantiĝi = fariĝi levanta;
levatiĝi = fariĝi levata;
(Ekz.: *la greno levatiĝas*, aŭ *levitiĝas*, laŭ la nuanco, kiun oni intencas montri; *la vento levatiĝas; la suno kuŝantiĝas*; *kiam la suno kuŝintiĝis*).

***

Pri la sufikso « esk » (se oni akceptas ĝin) ni opinias ke oni devas aldoni ĝin nur al participoj

ticipes, actifs ou passifs ; ce suffixe signifierait « commencer à être... se mettre à », *et ne pourrait pas signifier un action momentanée.* (Nous reparlerons plus tard de l'action momentanée).

On dirait donc:
*dormanteski*= s'endormir, commencer à être dormant
*aminteski* = commencer à être ayant aimé;
*amoteski* = commencer à être devant être aimé.
(Cet enfant devient meilleur; on doit commencer à l'aimer = *tiu infano pliboniĝas ; li amoteskas.*)

***

Par l'emploi des formes participes avec *ig*, *iĝ* et *esk*, on obtient des mots plus longs, mais ne permettant aucun doute quant à leur signification c'est là l'immense avantage des formes analytiques; et pour les débuts de la langue auxiliaire, pour lui attirer des partisans qui ne pou ront plus, comme c'est souvent le cas actuellement, se plaindre que la langue ne tient pas ses promeses de pleine logique, il nous paraît qu'il ne faut pas hésiter à employer ces formes analytiques, qui caractérisent d'ailleurs les langues les mieux évoluées.

B. S.

aktivaj aŭ paŝivaj; tiu sufikso signifus... « komenci..» sin prepari por... *kaj ne povus signifi momentan agon.* (Ni esploros pli malfrue la momentan agon).

Oni do dirus :
dormanteski = komenci fariĝi dormanto,
aminteski = komenci fariĝi aminta,
amoteski = komenci fariĝi amota.
(Ekz. : tiu infano pliboniĝas ; li amoteskas).

***

Per uzo de la participaj formoj kun ig, iĝ kaj esk, oni ricevas vortojn pli longajn, sed permesantajn nenian dubon pri ilia signifo; tie estas la grava utilo de la analizaj formoj ; kaj en la komencoj de la helpanta lingvo, por allogi al ĝi partianojn, kiuj ne plu povos, kiel tio okazas nune, plendi ke la lingvo ne plenumas siajn promesojn de plena logikeco, ŝajnas al ni ke oni ne povas ŝanceliĝi pri uzo de tiuj analizaj formoj, kiuj karakterizas, ja, la lingvojn la plej evoluciitajn.

B. S.

*Kara B. S.*

Vi plendas, prave, pri la senĝeno laŭ kiu multaj Esperantistoj devojigas la esperantajn radikojn, ekz. *luigi, farmigi.*

Bonan ekzemplon por korekta uzo donas la vortaro de S° de Beaufront pri *prunt' : pruntepreni.* Pro tiu lasta formo, oni rajtas forlasi la esprimon *prunti*, kaj stari la jenajn vortojn, tuj kompreneblajn :
pruntedoni — pruntepreni.
luedoni — luepreni.
farmedoni — farmepreni.

Se ĉiuj uzas nur simplecon, regulecon kaj klarecon, oni ne bezonus tiom diskuti.

Kun kora manpremo,

S. B.

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

### KELKLINIAJ NOVAĴOJ.

La privata iniciativo fondis, en Parizo, loko dediĉita al la interparolado ; ĝia nomo estas : Esperantistejo kaj ĝia adreso estas 151, Faubourg Poissonnière, Paris (IX^e). La loko estas vizitebla de la deka horo matene ĝis la deka vespere, ĉiutage.

Ankoraŭ nova ĵurnalo. Ne tute nova ĉar ĝi jam aperis hektografie kaj estis disdonita nur al grupanoj de la « Revela Esperantista grupo ». Hodiaŭ, « Estlanda Esperantisto » estas bela okpaĝa ĵurnalo al kiu ni deziras bonvenon ; ĝia prezo estas unu rublon jare (1.10 sm.) ; la redaktoro-administranto estas J. A. Rahamägi, Weike Kalamajo uul. 7, k. 2, Revel (Rusujo).

Ofte okazas ke nova ĵurnalo aperas humile kaj ne nin vizitas; aliafoje ĝi ne daŭrigas sian monatan viziton kaj pri tion ni ne povas ĝin regule anonci en nia nomaro. Kompreneble ni revizas tiun nomaron ĉiumonate kaj enskribas la naskiĝitojn kaj la malaperintojn.

« Flugila Stelo » pri kiu ni jam raportis estas la stenografia revuo redaktita de S^ro Fr. Schneeberger el Lüsslingen (Svisujo). Ĝi estas la sola ĵurnalo kiu estas stenografiita ; ni trovis en ĝi sistemojn Gabelsberger kaj ankaŭ Stolze-Schrey.

La franca ĵurnalo « Le Globe trotter » anoncas ke oni uzas Esperanto en duoinsulo Alaska, por la komerco; Gibraltar estas ankoraŭ komuna centro por la anglaj kaj hispanaj samideanoj.

S^ro Otto Wilde, artpentistro, Ackerstrasse n° 1 en Magdeburg (Germanujo) verkis kaj vendas belan diplomon, akireblan por ĉiuj esperantistoj. Kompreneble ĝi estas nur honora diplomo, kiu pruvas nek lertecon eĉ nek simplan konon de la lingvo.

Kosto iom alta : 6 markojn (3 spm.).

Niaj holandaj amikoj havas belajn propagandilojn, estas markoj, kiuj oni povas alglui sur ĉiuj korespondaĵoj. La koloroj estas diversaj : verda, ruĝa, blua, flava, nigra, k. c. Prezo 3 spm. po milo; nur mendo da 5000 estas sendata afrankite. Siu turni Singel 386, Amsterdam.

Kelkaj samideanoj, tre scivolemaj, demandis pri la sub-poŝtsignoj, kiuj estas ofte uzitaj por sendo de diversaj korespondaĵoj. Memorigu al ili ke la sub-poŝtsignoj por la poŝtsignoj belgaj, bluaj, ruĝaj kaj verdaj, estas aĉeteblaj ĉe la Sekretario de la

Ligo, 53, rue Ten Bosch en Bruxelles. Cento da subpoŝtsignoj kostas fr. 1.00 (0.40 sm.); aldonu 0.10 fr. por ĉiu sendo en Belgujo kaj 0.25 fr. en alilando. (Vidu ankaŭ nian 77an numeron).

Kelkaj samideanoj intencas organizi, per baloto, centran komitaton, kaj ili jam proponas konsenton pri « Fundamento » el kiu ni ĉerpas : « 1e La nomita organizaĵo tute ne intencas sin okupi pri lingvaj demandoj... Tuj post sia fondo, ĝi zorgos por definitiva starigo de diversaj servoj internaciaj, kiel Konsulejoj, Oficejoj, tradukistaro, Esperantaj hoteloj, loĝejoj, vojaĝoj, k. c. ».

La ĵurnalo « Pola Esperantisto » aperas de nun en Varsovio kaj havas redakcian Komitaton en kiu ni vidas : Dron Leon Zamenhof, Dron K. Bein, Antoni Grabowski, Leo Belmont, Stanislaw Schels, A. Zakrzewski, k. c. Tiu ĵurnalo fariĝos certe, pro ĝia redakcio, unu el la plej interesaj el la naciaj ĵurnaloj.

MOZANO.

## BELGA LIGO ESPERANTISTA.

La Komitato de la Ligo kunvenis dum la dimanĉo 9a de Februaro, je la 10a horo matene, en la « Maison des Médecins » (Domo de la Medecinistoj), 17, Grand'place en Bruselo.

Sinjoro Komandanto Ch. Lemaire prezidas. Ĉiuj ligaj grupoj estis sendantaj deligitojn; ĉeestis Fraŭlinoj A. Guilleaume, E. Lecointe kaj Tombeur (Spa), Sinjoroj Van der Biest kaj L. Blanjean, vicprezidantoj, Sinjoroj H. Calais, O. Chalon, J. Clerbaut (Boom), L. Delvaux kaj D. Heyne (Charleroi), Ed. Mathieu, D:o M. Seynave, Leŭtenanto Van Weyenbergh kaj A.-J. Witteryck, Sro J. Coox, kasisto, kaj Jos. Jamin, ĝenerala sekretario de la Ligo.

Sinjoroj R. Van Melckebeke kaj Vermeulen senkulpiĝis pri ilia foresto. Ilin anstataŭigas Sinjoroj Swagers kaj inĝeniero Champy (Antverpeno); estis ankoraŭ okaze delegitoj de grupoj : Fraŭlino Gillet (Verviers) kaj Sro Landenne (Huy). Kelkaj privataj invititoj de la komitato ankoraŭ ĉeestis : Fraŭlinoj De Luyck, Hoffmann kaj Cl. Simon (Bruselo), Sinjoroj Finet (Antverpeno), Mathys (Duffel), Leŭtenantoj Giminne kaj Leo. Jamin (Bruselo).

La prezidanto deziras bonvenon al la delegitoj de la novaj ligaj grupoj el Spa, Charleroi kaj Boom, kaj konfirmas elekton de Sinjoroj generalo Leman kaj F. Cocq, membroj de la Honora Komitato de la Ligo.

Sro J. Coox, kasisto, raportas detale pri la nuna financa situacio de la Ligo. La bilanco de la pasinta jaro estos publikigata en la ĵurnalo, organo de la Ligo. La prezidanto gratulas Sron Coox pro lia sindonema kaj zorga administracio de niaj financoj.

La Komitato ekzamenas en kia grado oni povas helpi la grupojn. Ĝi decidas ke la Esperantista Societo en Verviers ricevos sumon da 51,95 fr. por pagi la elspezojn de la organizo de ekspozicio en Verviers kaj Spa; plie Komto Ch. Lemaire promesas fari paroladon en Spa kaj la enspezoj de la enirpagoj helpos la tiean grupon. Pri diversaj rogoj de la grupoj, la Komitato decidas ke la Ligo estas ĉiam preta helpi la propagandon sed kiam grupo fondiĝas, aŭ organizas kursojn, la membroj kaj partoprenantoj devas subteni kaj helpi kotizacie la grupon. La grupoj, kiuj vokis helpon de la Ligo estos invititaj prezenti raporton pri la plenumita propagando aŭ pri iliaj projektoj.

Post propono de la prezidanto, oni konsentas ke la ĝenerala kunveno ekzamenos la demandon pri nepago de la grupaj kotizacioj al la Ligo, kaj elstreko de la klariganta noto el la Regularo.

Ĉirkaŭ la 11a horo, la Komitato komencas ekzamenon de la nuna lingva situacio; la membroj de la Liga Komitato kaj parto de la komitatoj de l' grupoj ricevis konfidencie la dokumentojn pri la decidoj de la Delegacio, diversajn projektojn, raportojn, konkludojn, k. c.

La prezidanto memorigas la raportojn jam pressigitajn de l' grupoj de Antverpeno kaj Verviers. Li legas ankoraŭ leterojn de la grupo el Huy kaj de kelkaj samideanoj inter la plej sindonemaj. Tiuj leteroj kaj raportoj estos reproduktitaj en la ĵurnalo, kun traduko. Tiuj multaj dokumentoj pruvas ke la situacio estas serioze ekzamenita de la Belgoj kaj ke ili malkaŝeme deziras ke la demando estu plene kaj zorge prezentota al la Esperantistaro.

La prezidanto resumas kaj konkludas ke niaj grupoj ne imitas tiujn grupojn, kiuj nepre rifuzas esplori la gravan lingvan situacion.

Sro Witteryck, je la nomo de la Bruĝa grupo, deziras ke la nomo « Esperanto » restu nomon de la lingvo. Sro Delvaux, el Charleroi, opinias same pri la nomo; li deziras ke, se plibonigo estas necesa, oni ĝin enkonduku nun en la lingvo.

Sro L. Blanjean klarigas ke, kvankam la komitato de la grupo « Pioniro » ne ekzamenis la demandon, la komitatanoj de la Ligo loĝantaj en Bruselo kunvenis kun kelkaj gesamideanoj kaj esploris detale la situacion kaj la projektojn. La raporto ne estas ankoraŭ definitive redaktita, sed la kunvenintaj estas dezirintaj kelkajn montritajn reformojn. Sro L. Blanjean certigas ankoraŭ ke persone, kiel unu el la plej malnovaj Belgaj esperantistoj, li estas progresulo kaj certe akceptos taŭgajn reformojn.

La prezidanto ne antaŭvidas tujan solvon de la demando; ŝajnas al li ke ĉiuj komitatanoj akceptas la konkludojn de la letero de frato Izidoro. Tamen, ĉar la Esperantistaro ne konas bone tion, kion oni proponas, pro nesufiĉa klarigo, la momento ne estas alveninta por konkludi definitive kaj starigi decidojn por nia estonta agado.

La Komitato kontraŭe opinias — post voĉdono — ke estus utila konkludi la nunan ekzamenon per deklaracio rilata al la tagordo.

Sinjoroj Mathieu, Swagers, Heyne, Seynave kaj Van Weyenbergh proponas malsamajn konkludojn; ili diferenciĝas ĉefe laŭ cito aŭ foresto de la vortoj : Delegacio, ŝanĝoj, reformoj, k. c. Ili similas ĉar ĉiuj konkludas ke Esperantistaro devas elekti aŭtoritatan Akademion aŭ alian Kolegion, kiu reprezentos serioze la Esperantistojn; la rolo de la Lingva Komitato estis ĝis nun iom vaga kaj ĝi ne akiris la eksperimenton kaj l' aŭtoritatecon, kiujn mankis al ĝi de la komenco.

Fine la komitato ne voĉdonas, kaj decidas daŭrigon de la diskuto kaj ekzameno en kunveno, organizota post 6 aŭ 7 semajnoj.

*La ĝenerala sekretario,*
JOS. JAMIN.

Les membres du comité de la Ligue ont encore reçu une brochure intitulée « Mezvoio » de M. Giminne, dans laquelle l'auteur examine les réformes et propose des changements. Nous ne pouvons analyser ici le projet « Mezvoio » car il est œuvre privée et n'a été distribué qu'à quelques personnes. Mais nous pouvons dire que M. Giminne a bien compris les points faibles de l'Esperanto actuel et qu'il a soigneusement étudié la question; beaucoup d'Espérantistes donnent leur avis, beaucoup parmi eux ne connaissent même pas le premier mot de la question. C'est pourquoi nous assistons souvent à des discussions tout à fait à côté.

La komitatatoj de la Ligo ricevis ankoraŭ broŝureton titolitan « Mezvoio » de S^ro^ Giminne, en kiu la aŭtoro ekzamenas la reformojn kaj proponas ŝanĝojn. Ni ne povas analizi tie ĉi la projekton « Mezvoio » ĉar ĝi estas privata kaj disdonita nur al kelkaj personoj. Sed ni povas diri ke S^ro^ Giminne bone komprenis la maltaŭgajn uzojn de la nuna Esperanto kaj ke li zorge esploris la nunan demandon; multaj Esperantistoj argumentas, multaj el ili ne konas eĉ la unuan vorton de la demando. Tial ni vidas ofte tute flankajn diskutojn.

## DOCUMENTS.

**Joints au procès-verbal de la réunion du Comité de la LIGUE ESPÉRANTISTE BELGE.**

**9 février.**

## DOKUMENTARO.

**Kunigitaj al la protokolo de la kunveno de la Komitato de la BELGA LIGO ESPERANTISTA.**

**9a de februaro.**

Monsieur Houzeau de Lehaie, sénateur, membre du Comité d'honneur de la Ligue, a envoyé au Président la lettre suivante en Esperanto :

**Traduction.**

MONS, ERMITAGE 6 FÉVRIER 08.

*Très cher Président,*

Il y a quelques jours, j'ai reçu les documents du comité de la Délégation, et ce matin la circulaire de la Société d'Esperanto de Verviers. Sa conclusion me semble très juste.

Ne croyez vous pas qu'une réunion de la Ligue belge ou une consultation des groupes serait désirable ?

Mais auparavant, il est nécessaire d'éclaircir la chose.

Cela nul ne peut le faire comme vous.

Sincèrement votre

HOUZEAU.

Sinjoro Houzeau de Lehaie, senatano, membro de la Honora Komitato de la Ligo, sendis al la Prezidanto la sekvantan leteron :

**Originalo.**

MONS, ERMITAGE 6a FEBRUARO 08.

*Tre kara Prezidanto,*

De kelkaj tagoj, mi ricevis la dokumentojn de la komitato de la Delegacio, kaj hodiaŭ matene la cirkuleron de la Esperanto Societo de Verviers. Ĝia konkludo ŝajnas al mi tre ĝusta.

Ĉu vi ne kredas ke kunveno de la Belga Ligo, aŭ konsiliĝo de la grupoj dezirebla estus ?

Sed antaŭe estas necese la aferon klarigi.

Tion fari neniu povas kiel vi.

Sincere via

HOUZEAU.

---

Frère Isidore, membre du Comité d'honneur de la Ligue, écrit :

**Traduction.**

MONSIEUR LE PRÉSIDENT,

MESDAMES ET MESSIEURS,

Qu'il me soit permis de présenter à la réunion d'aujourd'hui quelques réflexions pacifiques. En apparence les Espérantistes semblent se diviser de plus en plus en deux camps adverses : les conservateurs et les réformateurs.

Et cependant si tout doucement, sans crainte et patiemment ils pouvaient faire connaître leurs souhaits intimes et leurs idées, on s'étonnerait de l'unité des Espérantistes. Il me semble important de montrer cette unité intérieure, que nous cachent hélas la crainte et l'impatience, une phraséologie obscure, une discussion trop acerbe.

Frato Izidoro, membro de la Honora Komitato de la Ligo skribis :

**Originalo.**

ESTIMATA SINJORO PREZIDANTO,

ESTIMATAJ GESINJOROJ,

Estu permesata al mi prezenti al la hodiaŭa kunveno kelkajn pripensitojn tute paccelajn. Ŝajne la esperantistoj pli kaj pli dividiĝas en du kampoj kontraŭstaraj : konservemuloj kaj reformemuloj.

Kaj tamen, se ĉiuj povus kviete, sentime kaj senmalpacience konigi pri siaj internaj deziroj kaj ideoj, oni mirus pri la unueco de la esperantistoj ! Grava ŝajnas al mi montri tiun internan unuecon, kiun kaŝas al ni timo kaj malpacienco, fraza mallumeco, ja ho ve ! tro akra diskutado.

Quelques-uns disent que l'Esperanto doit évoluer tout naturellement, comme les langues nationales. Jadis la langue latine fut très internationale parmi les peuples européens. Trop difficile à acquérir pour la plupart des hommes, on la simplifia, non par consentement international mais par évolution naturelle et on en fit dériver les langues sud-européennes actuelles. Une évolution naturelle de la langue germanique donna naissance à de nombreux dialectes. Ce principe serait-il défendable pour l'Esperanto, qui tend à conquérir le monde?

Mais ce principe est-il le vrai principe des conservateurs? Je pense que non car ils disent que quand l'Esperanto sera accepté par les principaux chefs de gouvernement, ceux-ci pourront imposer au monde Espérantiste d'utiles réformes. Cependant qui aurait le courage de certifier, d'espérer que les divers gouvernements consentiront toujours, toujours seront du même avis au sujet de l'utilité de telle ou telle réforme?

D'un autre côté d'aucuns disent que maintenant le temps est venu de faire à l'Esperanto les réformes nécessaires pour rendre la langue inaccessible à tout changement. Ceci est également une erreur car jusqu'à présent tout travail humain a été perfectible et a évolué selon l'évolution de l'intelligence humaine. De même notre chère langue évoluera non seulement maintenant, mais toujours. Elle renferme des qualités que l'on n'a pas encore vues, ni soupçonnées, qualités que trouveront les allemands, non les français; les russes, non les anglais; les américains, non les européens et réciproquement; des qualités nouvelles qui ne se révéleront qu'après la découverte de précédentes. Comme l'Esperanto est une chose vivante, il sera toujours modifiable, perfectible. Il n'existe point de vie sans mouvement, la mort seule est immuable.

La discussion actuelle montre déjà que tous les savants et les réformateurs ne pensent pas de même au sujet des réformes proposées. Doit-on en conclure que tout le travail de la Délégation est sans valeur? Nullement. Mais comme la Délégation se compose d'hommes éclairés et bienveillants doit-on conclure que leur travail est sans défaut et s'impose aux Espérantistes? Egalement non. Il y a dans Ido de bonnes propositions réellement dignes d'attention; il en est d'inutiles; enfin il en est qui ne conviennent nullement.

Les Espérantistes s'approprieraient seulement les premières, mais seulement après le consentement des Espérantistes du monde entier. Et pour acquérir ce consentement il est de toute nécessité, de créer un centre vraiment international, qui jusqu'à présent, nous a absolument manqué. La Délégation a parlé au Comité linguistique, croyant parler au monde espérantiste et des Espérantistes seuls ont répondu de différentes façons. Voilà la cause de la méfiance réciproque de laquelle est née une discussion nuisible laquelle est une entrave. Arrêtons-nous, chers partisans de la même idée, nous ne sommes pas sur un terrain propice, nous ne pouvons atteindre le but de cette façon.

Avec Monsieur Hodler et d'autres je demande que ceux qui se réunissent aujourd'hui expriment le désir suivant ou un semblable: qu'il soit fondé, le plus tôt possible une Académie Espérantiste *vraiment internationale*, qui se composera de délé-

Iuj diras, ke Esperanto devas evolucii tute nature, kiel la naciaj lingvoj. Iam la latina lingvo estis ege internacia inter la popoloj eŭropaj. Tro malfacile akirebla de ĉiuj homoj, oni ĝin plifaciligis, ne per konsento internacia, sed per natura evolucio, kaj oni naskis el ĝi la nunajn sudeŭropajn lingvojn. Natura evolucio ankaŭ naskis el la germana lingvo multajn dialektojn. Ĉu tiu principo estus defendebla pri Esperanto, kiu celas almiliti la mondon?

Sed, ĉu tiu principo estas la interna, la vera principo de la konservemuloj? Mi opinias ne, ĉar ili diras ke, kiam Esperanto estos alprenita de la ĉefaj landregistraroj, tiuj ĉi povos altrudi al la esperantistaro utilajn reformojn. Tamen, kiu kuraĝus certigi, esperi, ke la diversaj registraroj ĉiam interkonsentos, same opinios pri ia utileco de tia kaj tia reformo?

Aliflanke, iuj diras, ke nun venis la tempo, por fari al Esperanto la reformojn necesajn por igi la lingvon ne plu ŝanĝebla. Tio ankaŭ estas eraro, ĉar ĝis nun ĉiu homa laborito estis perfektigebla, kaj evoluciis laŭ la evolucio de homa inteligento. Tiel same evolucios nia kara lingvo, ne nur nun, sed ĉiam. Ĝi enhavas ecojn ne ankoraŭ vidatajn, suspektatajn; ecojn kiujn trovos la germanoj, ne la francoj; la rusoj, ne la angloj; la amerikanoj, ne la eŭropanoj, kaj reciproke; ecojn novajn, nur trovеblajn post eltrovo de antaŭaj. Ĉar Esperanto estas vivplena estaĵo, ĉiam ĝi estos ŝanĝebla, perfektigebla. Ne ekzistas vivo sen movo; malmova nur estas la morto.

La nuna diskutado jam montras, ke ĉiuj scienculoj kaj reformemuloj ne same opinias pri tia kaj alia reformo proponita. Ĉu oni devas konkludi el tio, ke la tuta laborito de la Delegacio estas senvalora? Tute ne. Sed, ĉar la Delegacio konsistas el homoj kleraj kaj bonvolaj, ĉu oni devas konkludi, ke ilia laborito estas sendifekta, kaj sin altrudas al la esperantistoj? Ankaŭ tute ne. Estas en Ido bonaj proponoj tre atendindaj; estas senutilaj; estas fine maltaŭgaj.

Nur la unuajn alprenus la esperantistoj, sed nur post interkonsento de la tutmonda esperantistaro. Kaj por akiri tiun interkonsenton, estas tute necesa krei vere internacian centron, kiu ĝis nun absolute mankis al ni. La Delegacio parolis al la Lingva Komitato, opiniante paroli al la Esperantistaro, kaj nur esperantistoj diversmaniere respondis. Jen la kaŭzo de la reciproka malfido, el kiu naskiĝis sentaŭga, ja malhelpa disputado. Ni haltu, karaj samideanoj, ni ne estas sur la taŭga laborkampo, ni ne povas tiamaniere atingi la celon.

Kun Sinjoro Hodler kaj aliaj, mi petas, ke la hodiaŭaj kunvenantoj esprimu jenan aŭ similan deziron:

Ke, kiel eble plej baldaŭ estu fondata *vere internacia* Esperanta Akademio, kiu konsistos el

gués de tous les comités nationaux ; ceux-ci se composeront de délégués de tous les groupes du pays. A cette Académie la Délégation fera ses propositions actuelles au sujet desquelles les journaux discuteront d'une manière courtoise, sans crainte et avec confiance ; les groupes voteront à ce sujet et finalement, l'Académie se faisant le vrai porte-paroles du monde Espérantiste, decidera séparément au sujet de chacune de ces propositions. Tous les Espérantistes sans aucun doute, accepteront avec satisfaction, même joyeusement cette décision.

Cette Académie après cette décision continuerait son travail avec prudence et gouvernerait d'une manière vraiment internationale l'évolution de l'Esperanto, les gouvernements qui accepteraient officiellement l'Esperanto, accepteraient aussi sans doute l'Académie, à conditions que les comités des pays et les groupes se soumettent à quelques règles de garantie officielle.

Peut-être demandera-t-on, comment fonctionnerait cette organisation et où en serait le siège ? Je ne désire pas donner des détails au sujet de ce fonctionnement. Les organisateurs les donneront certainement. Mais comme on peut envisager l'impossibilité de cette vaste organisation, je dis, que le siège peut se trouver dans la ville du président (peut-être maintenant à Varsovie ?) ; qu'un comité local aidera le président non pour les décisions, mais pour les travaux de préparation et d'information ; que les pourparlers entre les académiciens pourront se faire à l'aide d'une revue académique mensuelle et des séances pendant les congrès annuels.

Je pense que là seulement se trouve le terrain, sur lequel un consentement général est possible et étonnement facile. Les réformateurs ou plus justement les partisants de la Délégation académique seront certains que des réformes utiles, de vraies améliorations seront faites ; les adversaires du travail de la Délégation, je ne veux plus les nommer conservateurs, ne devront plus craindre que sans compassion on tranchera mortellement dans la jeune langue vivante ; et la superbe découverte de notre maître Zamenhof continuera sans arrêt et toujours victorieusement sa glorieuse marche en avant.

Frère Isidore.

*A Monsieur le Président,*
*A Mesdames et Messieurs, membres du comité de la Ligue Espérantiste Belge.*

---

**Original**

Bruxelles, 2 Février 1908.

*Cher Monsieur,*

Je ne puis m'empêcher de vous faire savoir que je crie bravo « Belga Sonorilo » et que je me range *maintenant* sous son drapeau pour préconiser et défendre avec elle la marche progressive de l'Esperanto.

Si je vous fais cette déclaration c'est parce qu'au début de la campagne actuelle, si activement et si honnêtement menée par votre journal, j'avais dit à

delegitoj de ĉiuj landkomitatoj; ĉi tiuj konsistos el delegitoj de ĉiuj grupoj de la lando. Al tiu Akademio la Delegacio faros siajn nunajn proponojn; pri tiuj la ĵurnaloj ĝentile, sentime kaj konfide diskutos; la grupoj pri ili voĉdonos, kaj fine, la Akademio, sin farante la vera parolportilo de la monda esperantistaro, decidos aparte pri ĉiu proponito. Ĉiuj la esperantistoj, sen ia dubo, akceptos kontente, eĉ ĝoje, tiun decidon.

Tiu Akademio, post la nuntempa aranĝo, daŭrigus prudente sian laboron, kaj regus vere internacie la evolucion de Esperanto; la landregistraroj, kiuj oficiale akceptos Esperanton, sendube akceptos ankaŭ la Akademion, kondiĉe ke la landkomitatoj kaj grupoj sin submetu al iaj oficialaj garantiaj reguloj.

Eble oni demandos, kiel funkcius tia organismo, kie estus ĝia sidejo ? Mi ne deziras nun detali tiun funkciadon. Tion faros nepre la organizantoj. Sed, ĉar oni povas opinii la maleblecon de tiu vasta organismo, mi diras, ke la sidejo povas esti en la urbo de la Prezidanto (eble nun en Varsovio ?): ke loka Komitato helpos al la Prezidanto ne pri decidoj, sed pri preparlaboroj kaj informoj; ke la priparoladoj inter akademianoj povas fariĝi per monata akademia revuo kaj kunsidoj dum la jaraj Kongresoj.

Mi opinias, ke nur tie kuŝas la kampo, sur kiu ĝenerala interkonsento estas ebla, kaj mire facila. La reformemuloj, aŭ pliĝuste la partianoj de la Akademia Delegacio estos certigitaj ke utilaj reformoj, veraj pliperfektigoj estos faritaj; la kontraŭuloj de la Delegacia laborito, mi ne volas plu ilin nomi konservemuloj, ne plu devas timi, ke oni senkompate, mortige tranĉos en la juna vivplena lingvo; kaj la belega elpensito de nia Majstro Zamenhof daŭrigos senhalte kaj ĉiam venke sian gloran antaŭeniradon !

Frº Izidoro.

*Al Sinjoro Prezidanto,*
*Al Gesinjoroj Komitatanoj de la Belga Ligo Esperantista.*

---

**Traduko**

Bruselo, je la 2ª de Februaro 1908ª.

*Kara Sinjoro,*

Mi sentas min devigata sciigi al vi ke mi krias « Brave ! Belga Sonorilo », kaj ke mi, *hodiaŭ*, min lokas sub ĝia standardo por enkonduki kaj apogi kun ĝi la progresan iradon d'Esperanto.

Mi faras tian deklaron pro tio ke, je la komenco de l' nuna diskutado, tiel ageme kaj honeste prezentata de via ĵurnalo, mi estis diranta al kelkaj

quelques membres de notre « Pioniro » et à vous-même, que je n'étais pas d'avis, pour le moment du moins, d'apporter des modifications à notre « langue seconde »; je craignais, avais-je ajouté, les désertions parmi nos partisans, désertions qui auraient pu être justifiées par ces paroles que j'ai entendues: « Apprendre l'Esperanto! C'est inutile, je perdrais « mon temps; les propagateurs de la langue se chamaillent en ce moment pour la modifier! »

—J'ai eu tort de me préoccuper d'une telle manière d'envisager les choses et de faire ainsi du mauvais opportunisme. J'estime donc, actuellement, que si l'Esperanto est susceptible de modifications avantageuses, il ne faut pas hésiter à les lui donner immédiatement.

— Du reste je crois que la « Belga Sonorilo » peut poursuivre sa tâche avec enthousiasme, sans se préoccuper des indécis et de ses adversaires; quoiqu'ils fassent, ceux-ci seront fatalement entraînés avec elle par les courants de l'évolution internationaliste qui envahissent l'humanité tout entière.

Croyez cher monsieur à l'assurance de mes sentiments les plus distingués.

EM. LEFÈVRE,
*Commandant du génie; professeur d'analyse mathématique à l'Ecole Militaire.*

anoj de nia « Pioniro » kaj al vi mem, ke mi ne konsentis, almenaŭ en la nuna momento, pri plibonigo de nia « lingvo dua »; mi timis — tion mi aldonis — forlasojn inter niaj samideanoj, ĉar mi aŭdis la sekvantan ideon : « Kial lerni Esperanton ! Tio estas tute neutila ; mi fuŝus mian tempon ; la propagandistoj de l' lingvo interdisputaĉas ĵus nun por ĝin aliformigi ! ».

— Mi eraris priokupante min pri tia maniero rigardi la demandon kaj sekve fari malbonan oportunismon. Tial mi nun opinias ke se Esperanto estas plibonigebla, oni devas sen ia ŝanceliĝo ĝin plibonigi.

— Cetere mi opinias ke « Belga Sonorilo » povas daŭrigi sian taskon entuziasme, sen sin priokupi pri la nedecidozoj aŭ la malamikoj; kion ajn ili faras, ĉi tiuj devos fatale iradi kun la fluo de l' evolucio internacia kiu ekregas la tutan homaron.

Kun plej altaj sentoj.

EM. LEFÈVRE,
*Inĝeniera komandanto; profesoro de matematika analitiko ĉe la militlernejo.*

---

**Original.**

## ORDRE DU JOUR

### au sujet de la question Esperanto-Délégation.

Le Comité de la « *Esperantista Societo* » de Verviers, après un examen et une discussion approfondis de tous les documents se rapportant à la question en cause;

Considérant que l'*Esperanto* dans sa forme actuelle, possède certains défauts dont la conservation constituerait dans l'avenir une cause de déformation de la langue, un facteur puissant de dépréciation en regard des langues concurrentes et un élément grave de discorde parmi les adeptes; que l'existence de ces défauts, que surtout le développement de la langue rendit sensibles, fut affirmée dès le début et à plusieurs reprises par l'auteur même de la langue, dont les tentatives multiples de réformes furent empêchées par des raisons d'opportunité; que ce témoignage se trouve confirmé par de nombreux et compétents Espérantistes et, en dernier lieu, par l'indiscutable autorité du Comité élu par la Délégation;

Considérant que seul le moment actuel, à raison de l'intervention de la Délégation et de l'étendue encore restreinte du mouvement espérantiste, constitue le moment vraiment opportun pour la réalisation d'une telle réforme; que d'ailleurs l'évolution naturelle de la langue, loin d'atténuer ces défauts, ne pourrait que les aggraver, cette évolution en matière linguistique, à défaut de principes stables et clairs, ne constituant nullement une tendance spontanée vers la perfection;

Considérant que les travaux du Comité, élu par la Délégation, ont été entourés des garanties les plus élevées et les plus sérieuses d'autorité et d'impartialité; qu'on arguerait en vain que le dit Comité

**Originalo.**

## TAGORDO

### pri la demando Esperanto-Delegacio.

La Komitato de la « *Esperantista Societo* » de Verviers, post plenaj ekzamenado kaj diskutado de ĉiuj dokumentoj pri la solvota demando ;

Konsiderante ke Esperanto, en sia nuna formo, enhavas iajn difektojn kies konservado estus, en la estonteco, kaŭzo de difektiĝo de la lingvo, serioza motivo de malŝato kompare kun la konkurantaj lingvoj kaj grava okazo de malunuiĝo ĉe la adeptoj; ke la ekzistado de tiuj difektoj, kiujn precipe la disvolviĝado de la lingvo igis videblaj, estis montrata, jam ĉe la unuaj momentoj kaj pli ol unu fojon, de la Aŭtoro mem de la lingvo, kies multaj provoj de reformado estis malebligataj pro motivo de ĝustatempeco; ke tiun ateston plifortigas multaj kaj kompetentaj Esperantistoj, kaj, lastatempe, la nediskutebla kompetenteco de la Komitato komisiita de la Delegacio;

Konsiderante ke nur la nuna momento, pro la agado de la Delegacio kaj la amplekso ankoraŭ limigata de la movado esperantista, montriĝas kiel la sola ĝustatempa momento; ke, cetere, la natura evolucio de la lingvo, kontraŭe ke ĝi malgrandigus tiujn difektojn, ilin certe pligravigus, ĉar la evolucio ĉe la lingvistikaj demandoj, se ne ekzistas fortikaj kaj klaraj principoj, neniel starigas propramovan emon al la perfekteco;

Konsiderante ke la laboroj de la Komitato, komisiita de la Delegacio, estis farataj kun la plej grandaj kaj la plej nediskuteblaj kompetenteco kaj senpartieco; ke oni vane argumentus, dirante ke tiu

n'avait pas le droit de créer une nouvelle langue, vu qu'en réalité il n'a pas créé une nouvelle langue, mais qu'il a adopté l'un des systèmes proposés (*la langue internationale de Ido*), et que c'est dans un but éminemment louable de conciliation, que cette adoption fut notifiée dans des termes, permettant au monde Espérantiste de se rallier à cette décision; que, de ce chef, le Comité de la Délégation a droit à la vive reconnaissance des Espérantistes;

Considérant que la crainte d'une perturbation dans le mouvement de propagande se trouve amplement compensée par les avantages devant résulter des grandes améliorations apportées à la langue, de la cessation des tentatives isolées de réformes et de luttes intestines, de la déchéance des systèmes concurrents et de l'énorme appui de la Délégation et du monde savant qu'elle représente;

Considérant que la décision finale du Comité de la Délégation, conçue comme suit:

« Le Comité a décidé d'adopter en principe l'*Esperanto*, en raison de sa perfection relative et des applications nombreuses et variées auxquelles il a déjà donné lieu, sous la réserve de certaines modifications à exécuter par la Commission permanente, dans le sens défini par les conclusions du rapport des Secrétaires et par le projet de *Ido*, en cherchant à s'entendre avec le Comité linguistique Espérantiste »

que cette décision fut adoptée à l'unanimité des voix, parmi lesquelles se trouvait notamment celle du Président même du *Lingva Komitato Esperantista*, M. Boirac ;

Déclare se rallier entièrement à cette décision du Comité de la Délégation,

Emet le vœu de voir se réaliser l'entente entre le monde espérantiste et la Délégation;

En cas de non entente, se réserve de prendre une décision en conformité avec les considérants émis ci-dessus,

Charge ses délégués au Comité de la *Ligue Espérantiste Belge* d'exposer et de défendre ces présentes conclusions, et leur donne, en vue de cette réunion, les pleins pouvoirs nécessaires.

*Fait et adopté en séance du Comité du 27 Janvier 1908.*

Komitato ne posedis la rajton krei novan lingvon, ĉar en la realeco la Komitato ne kreis novan lingvon sed ĝi alprenis unu el la proponitaj sistemoj (nome la lingvo internacia de Ido) kaj, nur pro treege laŭdinda celo de pacemeco, ĝi konigis tiun alprenon per tiaj terminoj, ke ili ebligus al la Esperantistaro konsenti pri tiu decido; ke, pro tio, la Komitato de la Delegacio meritas la dankojn de la Esperantistoj;

Konsiderante ke la timo pri konfuziĝo de la propaganda movado estas sufiĉege kompensata per la bonaĵoj devenontaj de la grava plibonigo de la lingvo, per la ĉeso de la izolaj reformistaj provoj kaj de la internaj malunuiĝoj, per la malapero de la konkurantaj sistemoj kaj per la grandega kunhelpo de la Delegacio kaj de la sciencularo, kiun ĝi reprezentas;

Konsiderante ke la fina decido de la Komitato de la Delegacio:

« La Komitato alprenas principe Esperanton, pro ĝia rilata perfekteco kaj pro la multaj kaj diversaj jam faritaj aplikoj de ĝi, sub la kondiĉo de kelkaj ŝanĝoj efektivigotaj de la Konstanta Komisio, laŭ la senco difinita en la konkludoj de la raporto de la Sekretarioj de la Komitato kaj de la projekto « Ido », provante interkonsenti kun la Esperantista Lingva Komitato »

ke tiu decido estis alprenata per ĉies voĉdonoj, inter kiuj estis ankaŭ tiu de la Prezidanto mem de la *Esperantista Lingva Komitato*, S[ro] Boirac;

Decidas tute akcepti la decidon de la Komitato de la Delegacio,

Eldiras la deziron ke realiĝu interkonsento inter la Esperantistaro kaj de la Delegacio,

En okazo de ne-interkonsento, rezervas al si la eblon tiam alpreni decidon konforman je la supraj konsideraĵoj,

Komisias siajn delegitojn ĉe la Komitato de la *Belga Ligo Esperantista* konigi kaj defendi la jenajn konkludojn kaj donas al ili, por tiu kunveno de la Komitato, la necesan plenan povon.

*Tiel proponita kaj aprobita ĉe la kunsido de la 27[a] de Januaro 1908.*

La Komitato de la « Esperantista Societo » de Verviers :

*Honora Prezidanto*, S[ro] R. Centner.
*Honora Vic-Prezidanto*, S[ro] D[ro] M. Seynave.
*Prezidanto*, S[ro] Ed. Mathieu.
*Vic-Prezidanto*, S[ro] G. Bevernage.
*Sekretarioj*, S[roj] H. E. Palmer, E. Lange.
*Kasisto*, S[ro] A. Lepoir.
*Komisarioj*, S[roj] J. Colo, J. Delrez, J. Parotte,
*Bibliotekisto*, S[ro] J. Pirnay.

*Delegito de la Sekcio de l'* Popola Universitato, S[ro] R. Leduc, *Prezidanto.*
*Delegito de la Sekcio de l'* Societo Blua Stelo, S[ro] Th. Dedye, *Sekretario.*

**Original.**

Huy, le 6 Janvier 1908.

*Monsieur le Secrétaire de la Ligue Espérantiste Belge.*

Le comité du Groupe Espérantiste de Huy s'est réuni le 3 janvier, pour prendre connaissance des deux projets de langue internationale « *Ido* et *Antido* », ainsi que des conclusions du Rapport des Secrétaires de la Délégation.

Après examen de ces documents, le comité a décidé de ne pas accepter les modifications pro-

**Traduko.**

Huy, 6[a] de Januaro 1908[a].

*Al S[ro] Sekretario de Belga Ligo Esperantista,*

La komitato de la Esperantista Grupo de Huy kunvenis je la 3[a] de januaro, por ekzameni la du projektojn pri la lingvo internacia, nome: *Ido* kaj *Antido*, kaj samtempe la raporton de la Sekretarioj de la Delegacio.

Post esploro de tiuj dokumentoj, la komitato decidis ne aprobi la ŝanĝojn proponitajn de S[roj]

posées par M.M. Couturat et Leau et d'admettre le projet « Antido », estimant avec l'auteur, que les modifications apportées dans celui-ci à la langue de Zamenhof, doivent représenter le maximum des concessions que les espérantistes devraient accorder.

POUR LE COMITÉ :
*Le Délégué*,
J. THIRY.

Le groupe de Huy fait confusion ; Messieurs Leau et Couturat sont les secrétaires de la Délégation et ont rédigé les rapports et les procès-verbaux. Ni M. Leau, ni M. Couturat n'ont présenté de projet de langue à la Délégation. Seul M. Couturat, en son nom propre, a écrit une brochure en français « Dérivation en Esperanto » et les règles qu'il propose, visent l'Esperanto actuel.

« Antido » est un projet tout nouveau, que n'a pas examiné la Délégation, dont on connaît maintenant les décisions.

---

**Traduction.**

## RAPPORT.

Le Comité, délégué par le Groupe Espérantiste d'Anvers pour examiner les différents projets des réformes à apporter à l'Esperanto, conclut comme suit :

1° Les critiques sur l'Esperanto, indiquées dans le rapport de la Délégation internationale, ne sont pas tout à fait impartiales, vu que les conclusions ne se rapportent pas directement aux diverses opinions exprimées dans la première partie du rapport ; d'un autre côté, il semble étonnant que ces conclusions forment « la fundamento » de la langue anonyme Ido publiée en même temps.

2° Il serait très dangereux d'accepter dès maintenant la langue Ido, qui tout en se servant des qualités de l'Esperanto, a tellement déformé cette langue que celle-ci devient méconnaissable (voir l'Ekzercaro de Ido).

Comme l'a dit avec raison le « Ĉeskyck Esperantisto » : « Les membres du comité élu n'ont pas compris leur rôle : ils croient peut-être que le monde exige d'eux une langue nouvelle ».

3° Toutes les réformes proposées par Ido ne sont pas bonnes ; citons seulement : les petits mots barbares noa, voa, etc. dont Ido ne défendra certes pas l'élégance ; la grammaire d'Ido beaucoup plus longue et plus difficile que celle de Zamenhof ; l'importance beaucoup trop grande qu'Ido donne aux racines latines, rejettant, en quelque sorte, les éléments germaniques et slaves (voir le dictionnaire d'Ido) etc. Dailleurs la langue Ido elle-même est susceptible de perfectionnements et après un emploi de quelques années sera ou perfectionnée ou peut-être remplacée et ainsi il n'y aurait jamais de langue internationale.

4° De plus, accepter la langue Ido serait annuler les longs efforts de tous les pays pour l'Esperanto, rendre stérile le dévouement de milliers d'espérantistes, remplacer une langue internationale pratique, déjà bien vivante et progressant sans cesse par une langue inconnue, sans auteur, sans

Couturat kaj Leau, sed ĝi konsentis pri la projekto *Antido*, opiniante same kiel l' aŭtoro de tiu lasta verko, ke la plibonigoj en ĝi montrataj, prezentas la maksimumon de la cedindaĵoj kiujn devus permesi la Esperantistoj.

POR LA KOMITATO :
*La Delegito*,
J. THIRY.

La grupo de Huy konfuzis; Sinjoroj Leau kaj Couturat estas sekretarioj de la Delegacio kaj redaktis la raportojn kaj protokolojn. Nek S^ro Leau, nek S^ro Couturat prezentis projekton de lingvo al la Delegacio. Nur S^o Couturat, je sia propra nomo, verkis broŝuron france skribitan pri « Deveno en Esperanto » kaj la reguloj, kiujn li proponis, celas la nunan Esperanton.

« Antido » estas projekto tute nova, kiun ne ekzamenis la Delegacio, de kiu oni konas nun la decidojn.

---

**Originalo.**

## RAPORTO.

La Komitato, delegita de la Antverpena Esperantista Grupo por ekzameni la diversajn proponojn pri ŝanĝigoj en Esperanto, konkludas jene :

1° La kritikoj pri Esperanto, cititaj en la Raporto de la Internacia Delegacio, ne estas tute senpartiaj, ĉar ties konkludoj ne rekte rilatas al la diversaj opinioj esprimitaj en la unua parto de la Raporto ; aliparte, mirinde ŝajnas ke tiuj konkludoj estas formintaj la fundamenton de la anonima lingvo Ido samtempe publikigita.

2° Tre danĝere estus akcepti de nun la lingvon de Ido, kiu, uzinte la bonajn ecojn de Esperanto, ŝanĝigis tiun ĉi lingvon tiome, ke ĝi iĝis nerekonebla ; pruvo : la Id'a Ekzercaro.

Kiel tre prave diris la *Ĉeskych Esperantisto* : « La kelkaj elektitaj komitatanoj ne komprenis sian rolon : ili opinias eble, ke la mondo postulas de ili *novan* lingvon, kiun ili devas ellabori ».

3° Ne ĉiuj plibonigoj proponitaj de Ido estas taŭgaj ; ni nur citu : la barbarajn vortetojn *noa*, *voa*, k. t. p. kies bonsonecon Ido certe ne defendos : la Id'an gramatikon, multe pli longan kaj malfacilan ol la Zamenhof'a ; la multe tro gravan parton, kiun Ido donas al la latina radikaro, kvazaŭ forigante la germanajn kaj slavajn elementoj, pruvo : la Id'a vortaro ; k. t. p. Sekve la Id'a lingvo mem estas perfektigebla, kaj, uzita dum kelkaj jaroj, certe estos perfektigata aŭ eĉ anstataŭigata de iu alia novemulo, kaj tiamaniere oni neniam havus iun internacian lingvon.

4° Plie, akcepti la Id'an lingvon, estus neniigi la multjaran klopodadon de ĉiuj nacioj por Esperanto, senfruktigi le sindonemon de miloj da esperantaj pioniroj, anstataŭigi praktikan internacian lingvon, jam forte vivantan kaj senĉese divastiĝantan, per lingvo nejam konata, sen aŭtoro, sen estinteco, sen

passé, sans histoire, sans littérature, sans adeptes.

5° Le Comité Anversois regrette infiniment que, au moment où notre pays semble s'éveiller à l'Esperanto, où notre langue est reconnue, étudiée ou tout au moins recommandée par l'Ecole militaire supérieure, par les diamantaires, par le corps enseignant, par les administrations communales, ces bruits de réformes gênent les Espérantistes et arrêtent la propagande.

6° Cependant le Comité Anversois admet que l'Esperanto ne peut rester tel qu'il est et que certaines améliorations et principalement des ajoutes sont même nécessaires; mais ces réformes, ainsi que dans toute langue vivante, devront être faites peu à peu, en même temps et de même façon dans tout le monde espérantiste.

7° Le comité estime que pour éviter la désunion entre les espérantistes et la mort de notre chère langue, les changements nécessaires ne doivent pas être imposés par quelques savants, mais par tous les espérantistes, représentés par une délégation internationale, soit le « Lingva Komitato » existant, soit une nouvelle Académie à créer; de plus, qu'une autorité centrale est nécessaire pour résoudre toutes les questions relatives à notre mouvement actuel et à notre organisation.

8° Le Comité Anversois, qui à l'occasion de ce rapport exprime à nouveau sa fidélité à Zamenhof, approuve entièrement l'article de fond pacifique de Mr Hodler qui a paru dans le journal « Esperanto » du 12 décembre 1907.

historio, sen literaturo, sen adeptoj.

5° La Antverpena Komitato treege bedaŭras, ke ĵus nun, (kiam nia lando ŝajnas vekiĝi por Esperanto, kiam nia lingvo estas alprenita, studata aŭ almenaŭ rikomendata de la Supera Milita Lernejo, Diamantistaro, Instruistaro, Urbestraroj, k. t. p.) tiuj krioj por ŝanĝigoj konfuzas la batalantaron kaj haltigas la propagadon.

6° Tamen, la Antverpena Komitato konsentas, ke Esperanto ne devas resti neŝanĝebla, ke kelkaj plibonigoj kaj precipe aldonoj estas eĉ necesaj: sed tiuj ŝanĝoj, kiel en ĉiu nacia lingvo, devos efektiviĝi iom post iom, samtempe kaj sammaniere en la tuta Esperantistujo.

7° La Komitato opinias ke, por eviti la malunuecon en la Esperantistaro kaj la disfalon de nia kara lingvo, la necesaj ŝanĝigoj estas altrudotaj al ĉiuj ne de kelkaj kleraj grupestroj aŭ profesoroj, sed de la tuta Esperantistaro, reprezentata en unu internacia Delegitaro, ĉu la jam ekzistanta Lingva Komitato, ĉu alia ajn nove elektota Akademio; plie, ke tiun centran rajtigitan aŭtoritaton ni treege bezonas por solvi ĉiujn aliajn aferojn pri nia nuna granda movado kaj organismo.

8° La Antverpena Komitato, kiu okaze de tiu ĉi raporto ree esprimas sian tutkoran fidelecon al Zamenhof, tute aprobas la paceman ĉefan artikolon de Sro Hodler en la ĵurnalo *Esperanto* de la 12a Decembro 1907.

**La Komitato je la nomo de la Grupo:**

W. Broeckaert, dro kuracisto.
A. Casiers, komercisto.
L. Champy, inĝeniero.
F. Dupont, leŭtenanto.
A. Finet, profesoro.
Ern. Leclercq, dro kuracisto.

F. Swagers, profesoro.
A. Van der Biest-Andelhof, profesoro.
W. Van der Biest, d° okulisto.
Raym. Van Melckebeke, d° kemiisto.
O. Van Schoor, farmaciisto.
G. Vermeulen, kolonelo.

*Antverpeno, Januaro 1908.*

---

Le groupe d'Anvers distribua son rapport et en envoya un exemplaire à M. L. Couturat, qui répondit ceci :

**Original**

*Paris, 25 Janvier 1908.*

**A Monsieur le Président du Groupe Espérantiste d'Anvers.**

Monsieur le Président,

Je ne puis mieux répondre à la communication de votre Rapport qu'en vous envoyant copie d'un article que je viens de rédiger sur cette question: « L'Esperanto aux Espérantistes », où j'expose ce qui est selon moi le point de vue de la Délégation et des amis impartiaux de la L. I. (langue internationale).

La grupo el Antverpeno dissendis sian raporton kaj sendis unu ekzempleron al Sro L. Couturat, kiu tiel respondis :

**Traduko**

*Parizo, 25 Januaro 1908.*

**Al Sinjoro Prezidanto de la Antverpena Grupo Esperantista.**

Sinjoro Prezidanto,

Mi ne povas pli efike respondi je via komunikita Raporto ol sendante al vi kopion de artikolo kiun mi ĵus verkis pri tiu ĉi demando : « Esperanto al la Esperantistoj », en kiu mi montras tion kio estas, laŭ mia opinio, la vidpunkto de la Delegitaro kaj de la senpartiaj amikoj de la L. I. (lingvo internacia).

J'ignore quelle publicité vous avez donnée à votre Rapport ; mais je vous prierais de bien vouloir donner la même publicité à l'article susdit, et notamment de le lire et de le distribuer aux membres de votre groupe. Je vous prie aussi de bien vouloir leur lire la présente lettre, où je vais répondre point par point à votre rapport, sans aucun esprit de critique, mais simplement pour rectifier quelques erreurs d'autant plus excusables que les Espérantistes ont été, soit tenus dans l'ignorance, soit même induits en erreur par leurs chefs officiels.

1° Je suis étonné que le rapport cite les parties confidentielles de notre Rapport au Comité, et je me demande comment il a pu les connaître. Au surplus, notre Rapport ne comprend pas seulement une première partie consacrée aux vœux des membres de la Délégation (vœux très divers, comprenant des opinions conservatrices et des opinions réformistes, même des opinions tout à fait défavorables à l'Esperanto), mais aussi une seconde partie exposant les propositions que nous avons reçues de divers côtés, et notamment d'Espérantistes compétants et dévoués. Ce sont toutes ces opinions qui ont contribué à former la nôtre, ainsi que celle du Comité de la Délégation; et personne n'a le droit de dire que celles-ci ne sont pas impartiales. D'autre part, il n'y a rien d'étonnant à ce que le projet de Ido réalise précisément les réformes proposées théoriquement par nos conclusions, car de l'aveu d'Espérantistes compétents, ce projet ne serait que la synthèse des réformes demandées depuis longtemps par les Espérantistes eux-mêmes. La suppression des accents paraissait désirable au Dr Zamenhof dès 1904; c'est lui aussi qui (après d'autres, qui ne l'ont pas pour cela accusé de plagiat) a proposé le pluriel en -i, la suppression de l'accusatif, l'invariabilité de l'adjectif, etc. Enfin c'est moi qui ai montré comment on peut et doit rectifier la dérivation de l'Esperanto pour la rendre régulière et complète. Les principales réformes étaient donc déjà du domaine public, et Ido n'a fait que la synthèse de ces diverses réformes; soit dit sans diminuer son mérite et son originalité, que reconnaîtront tous ceux qui essaieront de se livrer à un semblable travail.

2° Il est exagéré de dire que la langue de Ido est une langue nouvelle et rend l'Esperanto méconnaissable, alors que l'on reconnaît qu'il conserve toutes les qualités de l'Esperanto, et j'ajoute : tous ses principes et ses formes essentielles (par ex., point capital et caractéristique, les finales grammaticales -o, -a, e, les finales verbales -as, -is, -os, -us, etc. et la plupart des mots). Quant au rôle du Comité de la Délégation, personne n'est plus qualifié que les organisateurs de la Délégation pour dire si le Comité l'a bien compris ou en est sorti. Du reste, le Comité n'a nullement entrepris de fabriquer une langue nouvelle (ce dont il avait parfaitement le droit); il s'est contenté de « choisir » la langue qui lui a paru la plus parfaite, et il se trouve que cette langue est simplement l'Esperanto amendé et perfectionné conformément à ses propres principes. On ne voit pas ce qu'une telle décision a de dangereux ni de scandaleux pour les Espérantistes. Du reste, ils se sont empressés d'en tirer parti dans la mesure où elle est favorable à l'Esperanto et proclame sa supériorité relative sur les autres L. I. Or, de deux

Mi nescias kiom vi disvastigis vian Raporton, sed mi petas vin same disvastigi la diritan artikolon, kaj precipe ĝin legi kaj disdoni al la membroj de via grupo. Mi ankaŭ petas vin, ke vi bonvolu legi al ili la jenan leteron, en kiu mi respondos punkto post punkto je via Raporto, sen ia kritikemo, sed nur por forigi kelkajn erarojn tiom pli senkulpigeblajn ke la Esperantistoj estis ĉu nesufiĉe ĉu malvere informataj de siaj oficialaj estroj.

1e Mi estas mirigata ke la Raporto aludas la konfidenciajn partojn de nia Raporto al la Komitato, kaj mi demandas min, kiel ĝi sukcesis konigi ilin. Plie, nia Raporto enhavas ne sole unuan parton montrantan la dezirojn de la membroj de la Delegitaro (dezirojn tre diversajn, kiuj enhavas opiniojn konservemajn kaj opiniojn reformemajn, eĉ opiniojn tute malfavorajn al Esperanto), sed ankaŭ duan parton montrantan la proponojn ricevitajn el diversaj flankoj, kaj nome de kompetentaj kaj sindonemaj Esperantistoj. Ĉiuj tiuj opinioj kunhelpis por starigi la nian kaj ankaŭ tiun de la Komitato de la Delegitaro; kaj neniu havas la rajton diri ke ĉi tiuj ne estas senpartiaj. Aliflanke, tute ne estas mirega ke la projekto de Ido precize efektivigas la reformojn teorie proponitajn en niaj konkludoj, ĉar, laŭ la certigo de kompetentaj Esperantistoj, tiu projekto estus nur la kunmeto de la reformoj postulitaj de longe de la Esperantistoj mem. La forigo de la supersignoj ŝajnis dezirinda al D'o Zamenhof en 1904; estas ankaŭ li kiu (post aliaj, kiuj pro tio ne kulpigis lin pri verkoŝtelo) proponis la multenombron per -i, la forigon de la akuzativo, la neŝanĝeblecon de la adjektivo, k. c. Fine estas mi kiu montris kiel oni povas kaj devas plibonigi la devenigadon de Esperanto por igi ĝin regula kaj plena. La ĉefaj reformoj do troviĝis jam en la publika posedaĵo, kaj Ido nur kunmetis tiujn diversajn reformojn : tion mi diras sen ia intenco malgrandigi ĝian valoron kaj ĝian originalecon, kiujn konfesos ĉiuj kiuj provos fari saman laboron.

2e Oni trograndigas dirante ke la lingvo de Ido estas nova lingvo kaj igas Esperanton nerekonebla, dum oni devas konfesi ke ĝi konservas ĉiujn kvalitojn de Esperanto, kaj mi aldonas : ĉiujn ĝiajn principojn kaj ĝiajn esencajn formojn (ekz. — esenca kaj karakteriza punkto — la gramatikaj finiĝoj -o, -a, -e, la verbaj finiĝoj -as, -is, -os, us, k. c. kaj la plimulto de l' vortoj). Rilate al la rolo de la Komitato de la Delegitaro, neniu plibone ol la organizantoj de la Delegitaro estas komisiebla por diri ĉu la Komitato ĝin bone aŭ nebone komprenis. Cetere, la Komitato neniel entreprenis fabriki novan lingvon (kvankam ĝi certe havis la rajton fari tion); ĝi nur « elektis » la lingvon kiu al ĝi montriĝis la plej perfekta, kaj okazas ke tiu lingvo estas nur Esperanto ŝanĝita kaj plibonigita, konforme je ĝiaj propraj principoj. Oni ne komprenas kiel tia decido ŝajnas danĝera kaj skandala al la Esperantistoj. Cetere, ili rapidis profiti je ĝi en la grado ĝis kiu ĝi estas favora al Esperanto kaj proklamas ĝian rilatan superecon super la aliaj L. I. Sed, el ambaŭ punktoj unu estas vera : aŭ la

choses l'une: ou bien la décision du Comité n'a aucune valeur ni compétence, et alors on ne doit pas s'en prévaloir en faveur de l'Esperanto; ou bien elle est l'opinion compétente et autorisée de gens savants et impartiaux, et alors ils ont bien le droit de mettre des conditions à leur approbation et à leur adhésion, et de n'accepter l'Esperanto que sous réserve d'améliorations, qu'ils n'imposent d'ailleurs à personne. Ils ne légifèrent que pour la Délégation, institution indépendante et neutre, qui a le droit d'adopter pour son usage telle langue qu'il lui plaît. Et c'est seulement parce que cette langue se rapproche extrêmement de l'Esperanto qu'elle « propose » aux Espérantistes l'entente et l'union sur une langue commune, après discussion et transaction. Il n'y a là rien d'offensant pour aucun parti.

3° Il est bien imprudent de juger le projet de Ido, qui n'était pas destiné à la publicité et qui n'est pas définitif. On oublie que le Comité a nommé une Commission permanente pour fixer les détails de la langue adoptée, et que cette Commission n'a pas terminé ses travaux. Sans trahir le secret de ses délibérations, je puis vous dire, à titre d'exemple, que les formes que vous critiquez « noa, voa » disparaîtront probablement de la langue définitive. Au surplus, il ne faut pas se buter à telle ou telle forme qui déplaît, car on en trouverait bien d'autres dans l'Esperanto classique. La longueur de la grammaire de Ido opposée à la brièveté de la grammaire de Zamenhof est une illusion: les trop fameuses 16 règles sont absolument insuffisantes, et c'est justement parce qu'elles le sont qu'on a été obligé ensuite de composer des grammaires complètes et des syntaxes qui sont non seulement plus longues, mais plus compliquées que la grammaire de Ido (dont la moitié est consacrée à la dérivation), et qui fourmillent de règles particulières, pour ne pas dire d'exceptions, comme celles de nos langues. Et malgré cela on discute encore à perte de vue dans les journaux pour savoir si l'on doit dire « sidiĝi ou eksidi », si l'on doit employer l'accusatif après « sin apogi », etc., tous détails byzantins que supprime la grammaire de Ido (notamment par la suppression de l'accusatif dit de clarté ou de direction, source de tant de difficultés oiseuses). Quant au vocabulaire, il est inexact de dire que Ido le latinise: il ne change une racine que pour la remplacer par une plus internationale, soit par la forme, soit par le sens, soit par les deux. Il ne fait donc qu'appliquer (plus rigoureusement que le Dr Zamenhof) le principe d'internationalité qui est le fondement de la langue. Cette considération répond en même temps à la crainte chimérique que l'on puisse « perfectionner » à son tour l'Esperanto réformé; car lorsqu'il aura atteint le maximum d'internationalité que comporte l'état actuel de nos langues, on ne pourra plus rien y changer, mais y ajouter; et c'est alors seulement que l'on pourra parler de développement régulier et progressif. Et la réalisation du maximum d'internationalité est un problème scientifique susceptible d'une solution définie et unique, au delà de laquelle on ne pourra plus rien chercher. Il est donc vain de supposer une série de réformes futures; c'est assimiler l'Esperanto au Volapük, c'est-à-dire à une création fantaisiste et arbitraire, et ne pas comprendre ce qui fait précisément la supériorité de l'Esperanto. Je

decido de la Komitato havas nenian valoron nek kompetentecon, kaj tiam oni ne povas uzi ĝin favore por Esperanto; aŭ ĝi estas la kompetenta kaj atentinda opinio de sciencaj kaj senpartiaj personoj, kaj tiam ili certe havas la rajton submeti kondiĉojn je ilia aprobo kaj aliĝo, kaj akcepti Esperanton nur kun la rezervo de iaj plibonigoj, kiujn cetere ili altrudas al neniu. Ili decidas nur je l' nomo de la Delegitaro, sendependa kaj neŭtra organizacio, kiu havas la rajton alpreni por sia uzado la lingvon kiu plaĉas al ĝi. Kaj, nur ĉar tiu lingvo treege proksimiĝas al Esperanto, ĝi « proponas » al la Esperantistoj interkonsenti kaj unuiĝi pri komuna lingvo, post diskutoj kaj akordiĝo. Tie troviĝas nenia ofendo al neniu partio.

3e Estas tute neprudenta juĝi la projekton de Ido, kiu ne estis publikigota kaj kiu ne estas definitiva. Oni forgesas ke la Komitato komisiis Konstantan Komitaton por decidi pri la detaloj de la alprenita lingvo, kaj ke tiu Komitato ne finis sian laboradon. Ne rompante la sekreton de ĝiaj laboroj, mi povas diri, kiel ekzemplo, ke la formoj kiujn vi kritikas « noa, voa » versimile malaperos el la definitiva lingvo. Plie, oni ne povas ataki tiun aŭ alian formon ĉar ĝi ne plaĉas: ĉar oni trovus grandan plimulton de ili en oficiala Esperanto. La àmplekso de la gramatiko de Ido kontraŭ la mallongeco de la gramatiko de Zamenhof estas iluzio: la tro famaj 16 reguloj estas tute nesufiĉaj, kaj, precize pro tio, oni estis devigata poste verki plenajn gramatikojn kaj sintaksojn, kiuj estas ne nur pli longaj sed pli komplikataj ol la gramatiko de Ido (kies unu duono pritraktas la devenigadon), kaj kiuj estas plenegaj da specialaj reguloj, por ne diri: da esceptoj, kiel tiuj de niaj lingvoj. Kaj malgraŭ tio oni ankoraŭ senfine diskutadis en la ĵurnaloj por scii ĉu oni devas diri « sidiĝi » aŭ « eksidi », ĉu oni devas uzi la akuzativon post « sin apogi », k. c.: ruzaĉaj detaloj, kiujn forigas la gramatiko de Ido (precipe per la forigo de la akuzativo nomita de klareco aŭ de direkto, kaŭzo de tiom da vanaj malfacilaĵoj). Rilate al la vortaro, estas neĝusta diri ke Idò ĝin latinigas: ĝi ŝanĝas radikon nur por anstataŭigi ĝin per alia pli internacia ĉu per la formo ĉu per la senco ĉu per ambaŭ.

Ĝi do nur aplikas (pli severe ol Dro Zamenhof) la principon pri internacieco kiu estas la fundamento de la lingvo. Tiu rimarko samtempe neniigas la kimeran timon ke iam oni povus siavice « plibonigi » reformitan Esperanton: ĉar, kiam ĝi estos atinginta la maksimuman internaciecon alligitan al la nuna stato de niaj lingvoj, oni povos ne plu ion ŝanĝi sed nur ion aldoni; kaj nur tiam oni povos paroli pri regula kaj progresa disvolviĝado. Kaj la realigo de la maksimuma internacieco estas scienca problemo solvebla per unu sola kaj difinata solvo, ekster kiu oni ne plu povos serĉi ion alian. Do estas vana supozi serion da estontaj reformoj; tio estas similigi Esperanton kun Volapük, nome kun fantazia kaj arbitra kreitaĵo, kaj ne kompreni tion, kio precize kaŭzas la superecon de Esperanto. Mi petas vin relegi la broŝuron « Esenco kaj Estonteco », kies konkludo estas ke la L. I. povos esti nur Esperanto pli malpli ŝanĝita. Mi speciale rekomendas al vi la

vous renvoie au mémoire « Esenco kaj Estonteco » qui conclut que la L. I. ne peut être que l'Esperanto plus ou moins retouché. Je vous recommande en particulier le passager cité dans notre circulaire du 15 décembre, et celui qui le suit (p. 312 de la Krestomatio) : « La Esperantistoj tute ne pretendas ke ilia lingvo prezentas ion tiom perfektan ke nenio pli alta jam povus ekzisti. Kontraŭe: kiam efektiviĝos aŭtoritata kongreso (c'est le cas du Comité de la Délégation).....; la Esperantistoj mem proponos al ĝi difini komitaton kiu okupus sin je trarigardo de la lingvo kaj farus en ĝi ĉiujn utilajn plibonigojn, *se eĉ por tio ĉi oni devus ŝanĝi la lingvon ĝis plena nerekonebleco...* ». A fortiori les Espérantistes doivent-ils accueillir avec bon vouloir un travail qui ne change nullement leur langue « ĝis plena nerekonebleco » puisque certains y voient un simple plagiat de l'Esperanto.

4° Puisque toute espèce de réforme, même la simple réforme de l'orthographe, la plus nécessaire au point de vue de la pratique et de la propagande, rendrait inutilisable la « littérature » antérieure, cet argument ne peut être invoqué contre une réforme un peu plus étendue. Tout au contraire, il vaut mieux réformer la langue plus tôt que plus tard, car avec le temps la littérature, le nombre des adeptes et aussi l'étendue des défauts et des erreurs ne peuvent que croître. Et si on effectue à présent une réforme quelconque, il faut en profiter pour corriger tout ce qui dans la langue a besoin de correction, afin de n'avoir plus à y revenir et de rendre inutile et impossible une nouvelle crise réformiste. Quant à l'assertion que la « langue nouvelle » n'a ni auteur, ni adeptes, ni passé, ni littérature, elle est fausse, ou se retourne contre l'Esperanto même : son auteur aussi était inconnu, et caché sous un pseudonyme ; il n'avait pas d'histoire ni de littérature à l'origine, dans ces temps d'où datent précisément les ouvrages qu'on déclare aujourd'hui intangibles ; de sorte qu'on ne fait que sanctifier, en réalité, les productions des premiers Espérantistes, dont la langue n'avait pas encore subi l'épreuve de l'expérience. Ainsi non seulement la « nouvelle langue » possède toutes les qualités de l'Esperanto (y compris la facilité et la vitalité) sans en avoir les défauts, mais elle profite de cette expérience de 20 ans dont on fait à tort honneur à l'Esperanto primitif, puisque ses partisans ne veulent pas tenir compte des leçons de cette expérience. C'est donc elle qui peut faire valoir en sa faveur le témoignage de la pratique et de l'expérience, et non pas l'Esperanto intangible de 1887, œuvre géniale, mais imparfaite et incomplète. On peut soutenir que si l'Esperanto avait été autrement et mieux dirigé depuis lors, il aurait abouti non à la langue incohérente et incorrecte qu'il tend à devenir à présent, mais à la forme régulière et simple que Ido a en quelque sorte restaurée en s'inspirant des vrais principes de la langue.

5° Le trouble apporté à la propagande de l'Esperanto n'aurait pas existé si le Lingva Komitato avait été fidèle à la promesse, donnée en son nom, de mener les négociations et les discussions « severe konfidencie », selon le désir formel du Dr Zamenhof, et si certains de ses membres n'avaient pas au contraire tout fait pour ébruiter le projet de Ido et le discréditer d'avance par des communications

frazon montritan en nia cirkulero de la 15ª decembro: kaj tiun kiu ĝin sekvas (p. 312 de la Krestomatio) « La Esperantistoj tute ne pretendas ke ilia lingvo prezentas ion tiom perfektan ke nenio pli alta jam povus ekzisti. Kontraŭe : kiam efektiviĝos aŭtoritata kongreso .. (tiel estas la Komitato de la Delegitaro) . . la Esperantistoj mem proponos al ĝi difini komitaton kiu okupus sin je trarigardo de la lingvo kaj farus en ĝi ĉiujn utilajn pliboniĝojn, *se eĉ por tio ĉi oni devus ŝanĝi la lingvon ĝis plena nerekonebleco...* » *A fortiori* la Esperantistoj devas bonvoleme akcepti laboron kiu neniel ŝanĝas ilian lingvon « ĝis plena nerekonebleco », ĉar kelkaj taksas ĝin nur kiel malrajtan imitajon de Esperanto.

4ᵉ Ĉar ĉiuspeca reformo, eĉ la simpla reformo de la ortografio, la plej necesa je la praktika kaj propaganda vidpunkto, igus neuzebla la ĝisnunan « literaturon », tiun argumenton oni ne povas uzi kontraŭ iom pli ampleksa reformo. Kontraŭe, estas preferinda reformi la lingvon pli frue ol pli malfrue, ĉar, same kiel la tempo, la literaturo, la nombro de la adeptoj kaj la graveco de la difektoj certe pligrandiĝos. Kaj se oni iniciatas nun ian reformon, oni devas uzi tiun okazon por korekti en la lingvo ĉion kio estas korektinda, por ke oni ne plu estu devigata rekomenci kaj por ke nova reforma movado fariĝu neutila kaj neebla. Rilate al la diro ke la « nova lingvo » havas nek aŭtoron, nek adeptojn, nek pasintecon, nek literaturon, ĝi estas malvera aŭ ĝi turniĝas kontraŭ Esperanto mem : ĝia aŭtoro ankaŭ estis nekonata aŭ kaŝata per pseŭdonimo; ĝi posedis nek historion, nek literaturon ĉe la komenco, je tiu tempo en kiu precize aperis tiuj verkoj kiujn hodiaŭ oni proklamas netuŝeblaj; kaj tiamaniere oni, en la realeco, nur sanktigas la verkojn de la unuaj Esperantistoj, kies lingvo ne ankoraŭ estis elprovata per la spertado. Tiel la « nova lingvo » ne sole posedas ĉiujn kvalitojn de Esperanto (inter ili la facilecon kaj la vivecon) ne havante ĝiajn difektojn, sed ĝi profitas je tiu 20-jara spertado je kiu oni malprave profitigas unuatempan Esperanton, ĉar ĝiaj partianoj ne konsentas uzi la montrojn de tiu spertado. Estas do ĝi kiu povas sin apogi favore sur la atesto de la praktiko kaj de la sperto, kaj ne la netuŝebla Esperanto de 1887, verko genia sed neperfekta kaj neplena. Oni povas certigi ke, se de tiam Esperanto estus estinta alie kaj plibone direktata, ĝi estus alveninta ne al la senregula kaj nekorekta lingvo kia ĝi nun fariĝas, sed al la regula kaj simpla formo, kiun Ido iel starigis, sin apogante sur la veraj principoj de la lingvo.

5ᵉ La konfuzo en la propagando de Esperanto ne ekzistus se la Lingva Komitato estus estinta fidela je la promeso, donita je ĝia nomo, fari la aranĝojn kaj diskutojn « severe konfidencie », laŭ la insista deziro de Dro Zamenhof, kaj se iuj el ĝiaj membroj, kontraŭe, ne estus farintaj ĉion eblan por diskonigi la projekton de Ido kaj frutempe ĝin senkredigi per neveraj informoj. La respondecon de la nuna krizo

fausses. La responsabilité de la crise actuelle retombe donc toute entière sur les chefs du Lingva Komitato.

6° Du moment que le Groupe d'Anvers admet que quelques retouches sont nécessaires, il doit reconnaître la justesse des considérations exposées au n° 4, et convenir qu'une réforme graduelle serait bien plus funeste aux intérêts de l'Esperanto, en prolongeant l'incertitude et le trouble.

7° Pour ce qui est de l'unité nécessaire et du droit que revendiquent les Espérantistes à légiférer seuls sur la question de la L. I., je me résume en ce dilemme: Ou bien les Espérantistes considèrent leur langue comme leur affaire propre et privée, et alors ils sont év demment maîtres de la conserver ou de la changer à leur gré; mais ils doivent reconnaître à d'autres organisations le droit d'adopter telle autre langue qu'il leur plaira, semblable ou non à l'Esperanto. Ou bien lis prétendent apporter au monde « la » langue internationale unique, et alors ils doivent écouter les avis autorisés de ceux qui, sans parti-pris ni intérêt d'aucune sorte, représentent impartialement l'opinion du monde, ou du moins de l'ensemble des intéressés. L'unité que l'on désire ne peut être réalisée que par une organisation neutre et indépendante comme la Délégation, et non par une autorité émanée de l'Esperantistaro, qui ne représente que les partisans et adeptes de cette langue particulière et ne peut légiférer que pour eux seuls. J'ajoute que cet ensemble ne peut être assimilé à un peuple ou à une église, qu'il est extrêmement mobile et instable; et je rappelle que l'Académie du Volapük, qui ne pouvait légiférer que pour les Volapükistes, a vu pendant le cours de ses travaux se réduire à zéro le nombre de ses adhérents, dont beaucoup sont devenus espérantistes. De même, bien des personnes qui sont à présent Espérantistes sont prêtes à se rallier à une langue meilleure et plus facile. Il est donc contradictoire d'identifier, d'une part, l'Esperanto à la L. I. en général, comme s'il en était la seule incarnation possible, et de lier d'autre part le sort de l'Esperanto à un Fundamento intangible qui empêche absolument de perfectionner l'Esperanto et, par suite, de réaliser l'idée de la L. I. qu'il prétend incarner définitivement.

Nous n'avons pas de conseil à donner aux Espérantistes sur leur organisation intérieure. Mais nous pouvons dire qu'il est très désirable qu'ils se donnent enfin une organisation régulière et une représentation légitime qui ait le droit de parler en leur nom, et qui reflète réellement leur opinion. Cette représentation seule pourra, en ce qui concerne les Espérantistes, décider valablement au sujet des réformes « proposées » par notre Comité, à la condition qu'elle ne soit liée d'avance par aucun texte sacré.

8° Quant aux déclarations de « fidélité » au Dr Zamenhof, je ne comprends pas ce qu'elles signifient, si l'Esperanto n'est pas un parti religieux ou politique, et si le Dr Zamenhof n'est pas un souverain ou un pape. L'admiration et le respect que nous éprouvons, comme tout ami de la L. I., pour l'auteur de l'Esperanto est affaire de sentiment privé, et ne peut devenir une sorte d'article de foi. Elle peut encore moins (sous peine de dégénérer en superstition et en fanatisme) se substituer au

elportas do tute la estroj de la Lingva Komitato.

6e Se la Antverpena Grupo konsentas ke kelkaj ŝanĝoj estas necesaj, ĝi ne povas nei la pravecon de la konsideroj montritaj supre (je 4e) kaj ĝi devas konsenti ke iom-post-ioma reformo estus multe pli malfavora al la interesoj de Esperanto, ĉar ĝi plidaŭrigus la dubon kaj la konfuzon.

7e Rilate al la necesa unueco kaj al la rajto, postulata de la Esperantistoj,leĝdoni solaj pri la demando de la L.I.,mi resumas mian opinion per ĉi tiu dilemo: Aŭ la Esperantistoj konsideras sian lingvon kiel sian propran kaj privatan aferon, kaj tiam ili evidente havas la povon ĝin laŭvole konservi aŭ ŝanĝi; sed ili ne povas rifuzi al aliaj organizacioj la rajton alpreni ian alian, laŭplaĉan lingvon, similan aŭ nesimilan al Esperanto. Aŭ ili pretendas alporti al la mondo « la » solan lingvon internacian, kaj tiam ili devas aŭskulti la kompetentajn opiniojn de tiuj kiuj, sen ia ajn antaŭdecido nek ia ajn profitemo, riprezentas senpartie la opinion de la mondo, aŭ almenaŭ de la aro de la interesatoj. La unueco, kiun oni deziras, povas esti efektivigata nur per neŭtra kaj sendependa organizacio kiel la Delegitaro, kaj ne per aŭtoritato kreita de la Esperantistaro, kiu riprezentas nur la partianojn kaj adeptojn de tiu speciala lingvo kaj povas leĝdoni nur por ili solaj. Mi aldiras ke tiun aron oni povas similigi kun ia popolo aŭ ia eklezio, ke ĝi estas treege movema kaj necerta; kaj mi memorigas ke la Akademio de Volapük, kiu povis leĝdoni nur por la Volapükistoj, vidis dum siaj laboroj la nombron de siaj anoj, el kiuj multaj fariĝis Esperantistoj, malgrandiĝi ĝis nulo. Same multaj personoj, kiuj hodiaŭ estas Esperantistoj, estas pretaj aliĝi al pli bona kaj pli facila lingvo. Estas do kontraŭdira unuflanke identigi Esperanton kun la L. I. ĝenerale, kvazaŭ ĝi estus ĝia sola ebla enkorpiĝo, kaj aliflanke alligi la sorton de Esperanto al netuŝebla Fundamento, kiu absolute malpermesas plibonigi Esperanton kaj, sekve, realigi la ideon de la L. I., kiun ĝi pretendas definitive riprezenti.

Ne decas ke ni donu al la Esperantistoj konsilojn pri ilia interna organizacio. Sed ni povas diri ke estas tre dezirinda ke ili fine starigu regulan organizacion kaj rajtan riprezentantaron, kiu havas la rajton decidi je ilia nomo, kaj kiu vere remontrus ilian opinion. Tiu sola riprezentantaro povos, rilate al la Esperantistoj, rajte decidi pri la reformoj « proponitaj » de nia Komitato, sub la kondiĉo ke ĝi estu ligata antaŭe per neniu sankta libro.

8e Rilate al la promesoj de « fideleco » je Doktoro Zamenhof, mi ne komprenas kion ili signifas, se Esperanto ne estas religia aŭ politika partio, kaj se Do Zamenhof ne estas regnestro aŭ papo. La admiro kaj la respekto kiujn ni sentas, kiel ĉiu amiko de la L. I., por la elpensinto de Esperanto estas tute privata sento kaj ne povas fariĝi ia artikolo de religia kredo. Multe malplie ĝi povas (ne degenerante al superstiĉo kaj fanatismo) sin anstataŭigi al la sindono kiun ni ĉiuj devas dediĉi

dévouement que nous devons avoir tous envers l'idée même de la L. I., à laquelle chacun de nous, comme le Dr Zamenhof lui-même, doit subordonner ses préférences personnelles et ses sympathies.

Je tiens à terminer cette lettre en vous assurant que, si nous avons été obligés de dénoncer au public les manœuvres incorrectes de quelques chefs qui prétendent accaparer l'Esperanto, nous nous adressons en amis et en samideanoj à tous les Espérantistes, et sommes prêts à discuter avec eux l'amélioration de la langue. C'est à cette fin que nous publierons un journal; et puisque les négociations secrètes ont été rendues impossibles, nous sommes obligés d'expliquer au public les décisions du Comité et les raisons qui les justifient. Alors, et alors seulement, le public, espérantiste et non-espérantiste, pourra porter un jugement sur elle, et choisir la L. I. qui répondra le mieux à ses besoins et à ses vœux.

Kun kora kaj samideana saluto.

*(Signé)* Louis Couturat.

al la ideo mem de la L. I., al kiu ni ĉiuj, kiel Doktoro Zamenhof mem, devas submeti niajn personajn preferojn kaj niajn simpatiojn.

Mi deziras fini tiun leteron certigante al vi ke, kvankam ni estis devigataj montri al la publiko la nekleran agadon de kelkaj estroj kiuj pretendas superegi Esperanton, ni turnas nin kiel amikoj kaj samideanoj al ĉiuj Esperantistoj, kaj ni estas pretaj diskuti kun ili la plibonigadon de la lingvo. Laŭ tiu celo ni publikigos ĵurnalon; kaj, ĉar la konfidenciaj diskutoj fariĝis neeblaj, ni nepre estas devigataj klarigi al la publiko la decidojn de la Komitato kaj la motivojn kiuj pravigas ilin. Tiam, kaj nur tiam, la publiko, esperantista kaj ne-esperantista, povos juĝi ĝin kaj elekti la L. I. kiu plej taŭge akordiĝos kun ĝiaj bezonoj kaj ĝiaj deziroj.

Kun kora kaj samideana saluto.

*(Subskribite)* Louis Couturat.

## KASA KONTO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA DUM JARO 1906a-1907a.

ENSPEZOJ

| | | | |
|---|---|---|---|
| Je la 1a de 7bro 1906, restis en kaso . . . . . . . . | | 83 | 49 |
| (Tiu sumo enhavas la antaŭe-pagitajn kotizaĵojn de 11 ordinaraj membroj . . | 11 | | |
| 1 protektanta » . . | 1 | | |
| Kotizaĵoj de ordinaraj membroj | 83 | 84 | — |
| » protektantaj » | 11 | 110 | — |
| » bonfarantaj » | 5 | 1450 | — |
| » antaŭe-pagitaj por 1907-08 . . . . . . . . | | 2 | — |
| Ekzamenitoj pagis . . . . . | | 80 | — |
| Donacoj: Lieĝa Grupo . . . | | 30 | — |
| » Societo por Koloniaj Studoj, Namur . . . . . . | | 20 | — |
| Ŝuldintoj pagis . . . . . . | | 22 | — |
| Propagandiloj disvenditaj . . | | 16 | 57 |
| Dum tiu ĉi jaro, la grup-membroj restis alligitaj senpage . . . | 111 | 1898 | 06 |

ELSPEZOJ

| | | |
|---|---|---|
| Korespond-kostoj . . . . . . . . | 142 | 85 |
| Propagandiloj . . . . . . . . . | 291 | 78 |
| Sekretariejoj . . . . . . . . | 500 | — |
| Abonoj Belga Sonorilo por protektantaj kaj bonfarantaj membroj | 89 | — |
| Ekzamenistoj, diplomoj . . . . . | 175 | 70 |
| Ĝenerala kunveno . . . . . . . | 8 | — |
| Je la 31a de Aŭgusto 1906a restis en kaso . . . . . . . . . . | 690 | 73 |
| | 1898 | 06 |

### BILANCO POR LA JARO 1906a-1907a.

POSEDAĴOJ

| | | |
|---|---|---|
| En kaso . . . . . . frankoj | 690 | 73 |
| Diplomoj, restas: 185 po » 69.— | | |
| Skatoloj, » : 30 po » 12.— | 81 | — |
| | 771 | 73 |

ŜULDOJ

| | | |
|---|---|---|
| Pagota al Sro Witteryck, por propagandiloj . . . . . . . . . | 92 | 46 |
| Disponeblaj posedaĵoj po frankoj | 679 | 27 |
| | 771 | 73 |

Konforma, laŭ la libroj :

*La Kasisto-Administranto*

J. Coox.

31a de Aŭgusto 1908.